# KONGRESA GAZETO

de la

## SEPA INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO



(Antverpeno, 20-27 aŭgusto 1911)



La gazeto aperos sesfoje : la 19an, la 21an, la 23an, la 25an, kaj la 26an de aŭgusto.

**N=ro 1.**
**Sabaton, la 19an de Aŭgusto 1911.**

Unu ekzemplero estas senpaga por la kongresanoj ; pluaj ekzempleroj kostas po 10 centimoj. — La kolekto (ses numeroj) : 1 frankon.

# BONVENON !

Esperantistaj gefratoj, ni kore invitis vin por partopreni en nia baldaŭ komenciĝonta *Sepa*, ĉar ni scias, ke nia urbo vere taŭgas por esperantista kongreso, ke ĝi estas facile alveturebla kaj ke en ĝi mankas nek interesaĵoj nek belaĵoj, — kaj ĉar estos por ni granda ĝojo revidi tiujn inter vi, kun kiuj ni jam travivis ĉarmajn horojn, kaj konatiĝi kun la aliaj, kiuj sendube postlasos en ni agrablegajn memoraĵojn.

Multnombre vi respondis nian alvokon.

Ni do dankas vin sincere kaj diras al vi tutkoran bonvenon. La venontaj tagoj estu por vi almenaŭ kompareblaj kun la brilaj antaŭaj kongresoj, kiuj estis ja por ni la plej bonaj ekzemploj, la plej celtrafa instruado.

Kaj se io ne estos tute konforma al via deziro, vi pardonos al ni, ĉu ne ? Eĉ se via apogseĝo en la teatro ne estos en la antaŭa vico, eĉ se via ĉambro estos iom proksima de la ĉielo kaj iom malproksima de la Akceptejo, vi indulge pripensos — ĉu ne ? — ke organizi tutmondan kongreson ne estas nur honoro, sed ankaŭ peza laboro, al kiu jam dum pli ol unu jaro ni dediĉas nian tempon kaj niajn plej bonajn fortojn.

Kaj nun, vivu la *Sepa*, vivu niaj bonvenaj gastaj !

**La Sepo por la Sepa.**

**Hodiaŭ, sabaton, je la duono post la 8a,**
**en la FLANDRA OPEREJO**

# KONCERTO

DE LA

# Esperantista Vagabonda Klubo

## -: PROGRAMO :-

### UNUA PARTO

1. *Valso en Es*, fortepiano solo . . . . . CHOPIN.
F-ino M. BARBIN, E. V.
2. *La Patrolando*, kanto. . . . . . . . TSCHIRCH.
(Originalaj vortoj de A. B. DEANS.)
S-ro W. HARVEY, E. V.
3. *Ĝojas per via voĉo*, dueto el *Samson kaj Dalila* . . . . . . . . . . . . SAINT-SAËNS.
F-ino ROSA MAUDE kaj S-ro JONES.
4. *Mia Idealulo*, serĉhumora monologo . . AD. SEFER.
F-ino AD. ŜEFER, E. V.
5. *Kanto*.
S-ro JONES.
6. *Zigeunerweisen*, por violono. . . . . . SARASATE.
F-ino ANNETTA SCHEBSMANN, E. V.

### DUA PARTO

7. *Rapsodio XI*, fortepiano solo. . . . . LISZT.
F-ino MARIE BARBIN, E. V.
8. *Trankvila Nokt'*, kanto. . . . . . . . FRANZ ABT.
(Tradukita de W. HARVEY.)
S-ro W. HARVEY, E. V.
9. *Anĝo Laŭrio*, kanto.
F-ina ROSA MAUDE.
10. a) *Slava Lulkanto*, violono solo . . . .. NERUDA.
b) *Zapeteda*, » » . . . . SARASATE.
F-ino ANNETTA SCHEBSMANN.
11. *La morgaŭa Virino*, dialogo . . . . . ROKSANO.
F ino JOHANINO FLOURENS kaj S-ro...
12. *La Espero* . . . . . . . . . . . . . F. DE MÉNIL.

**Morgaŭ, dimanĉon, je la 8a vespere**

EN LA

**FLANDRA OPEREJO**

Prezentado de :

# DEVO DE REĜO

Unuakta tezdrameto de NESTOR DE TIÈRE
Esperantigita de AMATUS

| | |
|---|---|
| La Reĝino | S-ino Lola Carew (London, Anglujo). |
| La Reĝo | S-ro Alfons Van de Velde (Boom, Belgujo). |

# POR KVIETAJ PERSONOJ

Unuakta komedio de EMANUEL VAN DRIESSCHE
Esperantigita de AMATUS

| | |
|---|---|
| Patro Knap | S-ro Karlo Urbez (Barcelona,Katalunujo). |
| Lenjo, lia filino | F-ino Eugénie Colijn (Gent, Belgujo). |
| Henriko, amanto de Lenjo | S-ro Otto Jann (Esslingen, Germanujo). |
| Majstro Korus | S-ro Fernand Doré (Troyes, Francujo). |
| Elizabeto, lio edzino | F-no Adela Ŝefer (London, Anglujo). |
| Polica komisario | S-ro Emil Nicolau (Bukŭresto, Rumanujo). |

# LA REVUO DE LA SEPA

Unu akto de JAN

kun la altŝatata kunlaborado de S-ro ĉefreĝisoro ARIE VAN DEN HEUVEL kaj de S-ro JULES VERSTRAETE, ambaŭ de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antverpeno.

*1500 geinterpretontoj (se la publiko ankaŭ kantos)*

| | | |
|---|---|---|
| Tre maljuna, sed pli kaj pli bela fraŭlino | F-ino | Céline Giffroid. |
| Glora pentristo | S-ro | Emiel Vega. |
| Mrs Brown | F inoj | Caroline Hodgson (Londono). |
| Gretchen Müller | | Adela Ŝefer (London). |
| Lucrecia Borgia | | Maria Lannie (Boom). |
| Junulo | S-oj | Leopold Verbraeken. |
| Timinda Policano | | Michel Sebruyns (Gent). |
| Antido | | René de Senco-Grando. |
| Pa-Ĉu-Li | | Hyman Finebloom. |
| Bambulao | | Rubin Untermann. |
| La lasta el la Mohikanoj | | Antonin Jakeŝ (Ĉ. Budèjovice, Bohemujo). |
| Kompatinda almozulo | | ARIE VAN DEN HEUVEL. |
| Komercema kolportisto | | Oscar Van Schoor. |
| Kompetenta paroladisto | | JULES VERSTRAETE. |
| Feliĉa patro | | Leopold Scheltens (Boom) |
| Lia novnaskiĝinta filo | | HectorVanderplanken (Boom). |
| Ĉarmplena nutristino | | Camiel Babilon (Boom). |
| Fosema ĝardenisto | | Adolphe Tillière (Bruxelles). |
| Babiladema ĝardenisto | | Fernand Mathieux(Bruxelles). |
| La Semanto | | Alfons Van de Velde (Boom). |

GEĤORISTOJ. — S-inoj Currie, Poppleton kaj Wood ; S-inoj Dixon, Drinkwater, Graham, Hurley, Judson, Poppleton, Smith, Wittam kaj Wild; S-roj Currie, Fernley, Hardaker, Harrison, Helliwell, Poppleton, Smith. Sutcliffe, Toms kaj Wood (Barnley, Anglujo) ; — S-inoj Page kaj Wilson; F-inoj Alexander, Baird, Dishard, Johnson, Munro, Mc. Intosh, Mackenzie, Mc. Neillie, Robertson, Simpson, Beatrice Wanless, Belle Wanless kaj Williamson ; S-roj Harvey, Macgregor kaj Page (Edinburgh, Skotujo) ;— F-ino Mc. Crone (Kilmarnock, Skotujo) ; — F-inoj Lehner, Turgas kaj Wakcynska (Dresden, Germanujo); — F-ino H. Schneller, M. Schneller kaj Hornung (Augsburg, Germanujo); —S-ino Struyf ; F-inoj De Baeck, De Ridder kaj Vanderplanken ; S-roj Clerbaut, De Ridder kaj Verbruggen (Boom, Belgujo) ; — S-ino Roscam ; F-inoj De Kock, De Schepper, L. De Wieuw, M. De Wieuw, Dollez, Drion, Giglot, Herickx, Klingelhoets, Posenaer, Schoofs, Sebus, Van Braeckel, Vermeulen kaj Wuyts; S-roj Bornstein, DeBacker, Derks, Caris, De Wieuw, Dollez, Drion, Fillet, Heynderickx, Podrusnick, Roscam, Schoofs, Van Dessel, Van Gansen, Van Hulle, Vermandel kaj Weisz (Antverpeno kaj antaŭurboj).

ORĤESTRETO.—S-ino Van de Briel ; F-inoj Bevel kaj Van de Briel ; S-roj Jacobs, D-ro von Lennep, D-ro Leysen, Sommer, D-ro Van de Briel, E. Van de Briel kaj D-ro Van der Biest.

# KAATJE

Unu el la profitoj — mi povas eĉ diri el la plej interesaj profitoj — kiujn ni ricevas de niaj universalaj kongresoj, dank' al nia lingvo Esperanto, estas pli profunda kono pri la intima sento de la lando, en kiu la kongreso okazas. Ĉiu bone scias, ke tiu intima sento elmontriĝas per la literaturo precipe, ĉar la literaturo estas la plej pura esprimo de la rasa animo, kiu havas siajn proprajn vortojn kaj frazmanierojn por esprimi siajn proprajn pensojn. La sperto venke montris, kiamaniere Esperanto, pli multe ol iu nacia lingvo, alproksimiĝas al alia nacia lingvo, kondiĉe ke la traduko estu verkita de samnacia esperantisto, kiu pli bone transdonas la intimecon de sia nacieco. Niaj unuaj kongresoj montris la vojon. La belega ekzemplo donita de **Emmanuel** kaj **Hedwig Reicher** trovis poste imitantojn. *Mistero de Doloro* de la potenca dramisto A. Gual instruis nin pri la kataluna sento. La venonta kongreso promesas al ni similan ĝuon : *Kaatje*, la profunde emociplena dramo de Paul Spaak, belga aŭtoro, ŝajnas tute difinita por konigi al ni « la psikologion, la animon, la vivon » de la flandra-nederlanda raso.

Mi jus legis la belan verkon de **Paul Spaak** en la franca teksto kaj en la tre lerta esperanta traduko verse verkita de D-ro **W. Van der Biest**, kaj mi tutkore dankas al niaj belgaj amikoj, organizantoj de la Sepa kongreso, ke ili elektis tiun verkon, prezentotan de profesiaj geaktoroj, kiuj fervore lernis Esperanton, por ke ili pli ĝuste interpretu sian rolon. Tiu arta konscio meritas laŭdojn ; antaŭajn ekzemplojn ni trovis en Dresdeno kaj Barcelono, kaj tio certigas al ni la estontan sukceson de prezentado.

Sed, ne antaŭkalkulante la rezultojn, mi deziras nur diri kelkajn vortojn pri la verko, kiun mi trovas tute rimarkinda. S-ro **Emile Verhaeren**, la konata belga literaturisto, en parolado farita okaze de la kvindeka prezentado, kaj presigita kiel antaŭparolo de la teatrajo, tiel resumas la agon :

« En *Kaatje*, — li diras — (*) tute nederlanda pentristo, penetrita de sia raso, formita de la riveroj, la tero, la vento, la lumo tieaj, decidas, dudekjare, senigi sin de si mem por serĉi en fama lando fremdan instruadon, kaj, se mi kuraĝas diri, emociojn, sentojn, manojn, okulojn, kiujn li kredas pli bonaj, ol liaj estas.

« Li de tie iam revenas, fiera pri si mem kaj pri sia metamorfozo, preskaŭ feliĉa tial, ke li elvojiĝis ; sed jen malrapide lia lando lin realmilitas, ĝi lin liberigas de la nenatura edukado kaj ĝi redonas al li la feliĉon, per la rideto de junulineto sidanta apud fajrejo, kun simpla puntkuseno sur la genuoj. »

Tute simpla estas la temo, sed per kia profunda sento, per kia nediskutebla vero, per kia sincera amo al la naskiĝa lando, la aŭtoro desegnis la karakterojn de siaj geherooj ! Nur la legado de la teksto naskas intiman emocion tute korpremantan, kvankam la verko estas nederlanda, ĉar antaŭ ĉio ĝi estas vere homa.

«La ideo estas ĝenerala,daŭrigas S-ro **Emile Verhaeren**; ĝi enhavas la lukton de la homa personeco kontraŭ senatura edukado. Ŝanĝu la situacion. Imagu ne nordan, sed sudan artiston ; ne flandran, sed italan pejzaĝon : edukadon ne en Hago, sed en Venezio ricevitan ; kaj sentigu al iu lernanto de Carpaccio la deziron al Brugo, kiel Jan sentas la deziron al Romo : vi eltiros el la teatrajo la saman instruon kaj la saman konkludon. Kaatje vivas kaj estas vera, ne nur tie ĉi, sed ankaŭ aliloke, ĉie ; kaj jen la precipa merito de la aŭtoro. »

(*) Traduko de D-ro W. VAN DER BIEST

Mi ne povis pli bone fari ol represigi tiujn liniojn, kiuj klarigas la veran belecon de tiu verko.

Mi nur analizos tre rapide la agadon : Jan, la nederlanda pentristo, estas tuj forironta, kiam leviĝas la kurteno. Li

Certigas, ke por lerni sian arton
Tutplene, oni devas sian landon
Forlasi, kaj studadi la artajojn
De la aliaj landoj...

Dank'al Kaatje, li povas eksterlande stutadi. Ni — diras al Kaatje la maljuna patrino de Jan —

Pro vi al Jan permesis Italujon
Veturi ; ni konservas vin !

Jan estas tute ravita pri sia revo. Li ekkrias :

Imagu ĝardenegon riĉan je
Palacoj ! Ĉe la blua maro, sub
Ĉielo pura kiel la mantelo
De l'Virgulin', imagu ebenajon
Alridetantan, oranĝarbojn, kiuj
Kliniĝas sub la pezo de la fruktoj,
Kaj urbojn artoplenajn, fierantajn
Pro siaj turoj, siaj kampaniloj !...

Ilin li komparas kun la pentrajoj, kiujn lia lando povas inspiri,

kun nebulo sia densa,
Kun sia ter'ebena ĉiam, ĉie,
Kun sia horizont' sen ia ĝojo,
Kun sia duonombro, kie la
Koloroj malaperas...

Sed — kontraŭstaras Kaatje — « ĉu oni devas, por talenton havi, tiel malproksimen foriri ? » Ŝi jam havas malprecizan antaŭsenton, kiun poste — en la lasta akto — ŝi klarigos en tiuj belaj versoj :

Oni ja kapablas
Animon sian tutan doni nur
Al tio, kion oni konas, kio
Kutima estas, kion oni havas
En sia hejm', proksime,kio tial
Eĉ estas parto de la propra vivo.

Sed Jan entuziasme foriras Italujon, por ke — li diras — mi esprimu

La sentojn, kiuj nun en mi naskiĝis,
Kaj por reveni fine, grandigita
Per tiu ekziltempo, kaj savita
Per tiu bapto !

Kaj du jaroj pasas. Li revenas hejmen, sed ne sola. Virino akompanas lin — Pomona —,kaj li certigas al la gepatroj, ke ŝi estas lia edzino. Kaatje, kiu interne karesis mildan revon, malesperas ; sed la kuraĝa knabino kaŝas en sia koro la larmojn, kiuj, defalante en ĝin, fosadas malrapide sulkon de doloro. Baldaŭ Pomona, la itala virino, eksentas, ke ŝia koro, plena de suno kaj lazuro, velkas en la malvarma klimato de la sensuna lando, en kiu ŝi frostotremas, en kiu eĉ la kisoj de l'amanto ne povas ŝin revarmigi. Kaj post disputado ŝi nokte forkuras, ĉion forlasante. Tamen Jan ne sekvas ŝin, ĉar jam la naskiĝa lando lin reekkaptis. Kaatje pro la ne atendita forkuro de Pomona komprenas, ke la italino kaj Jan ne estas geedzoj ; ŝi denove esperas, kaj trovas bonan kuraĝon por refortigi sian amatan Jan, por redoni al li la amon al la lando. Malesperinte pri sia arto, Jan disŝiris la pentrajon, kiun li estis pentrinta laŭ la itala maniero, kaj rifuzas denove repreni siajn penikojn. Tiam,tre simple, Kaatje klarigas al li, kiamaniere oni povas pentri simplajn subjektojn « kiujn oni havas en sia hejmo ». Ŝiaj vortoj meritas esti citataj — ŝi parolas dum ŝi puntajon faras — :

. .. Oni nur bezonas kelkajn
Fadenojn, kelkajn pinglojn.. Miaj manoj
Rapide, gaje plektas, kvazaŭ ili
Klavcenon ludus... kaj aperas jen
Steletoj, rozoj, palmoj, inter si
Miksitaj.., kaj ŝadenoj ili tamen
Nur estas... Floroj flugas for, laboras
La fingroj miaj, kaj malpeza, kiel
Paradizbird', aperas la puntaĵo.
Kaj dume .., kun anim' malpeza ankaŭ,
Mi sekvas mian revon, malproksimen ..
Mi nur bezonas pinglojn kaj fadenojn...

Kaj la junulino, kiu nun staras, kiel la animo de l'patrujo montrante la vastan horizonton de Holando, ekkrias :

Ho, rigardu,
Rigardu ! Tiel hela, kiel ia
Legend-aŭ ia historipentraĵo,
Jen etendiĝas nia horizonto,
La vasta horizonto de la Holando,
Kun sia malrapida riverego,
Kun siaj muelejaj krucobrakoj !
Rigardu la kanalon, kiu treme
Reflektas la ĉiaman vojiradon
De l' blankaj nuboj ! Ho, kadraj' belega
De lia viv', kaj vi, patruja suno,
Konvinku lin, ke oni povas fari
Senmortajn verkojn, se nur oni restas
Fidela al la propra land', se oni
Ĝin amas, kaj se oni sur la tolon
Nur pentras ĝian lumon, la kutiman
Dolĉegan intimecon de l'patrujo,
La urbon, la riveron, la ĝardenon,
La hejmon de l'gepatroj, tiun ĉambron
Malnovan, tute plenan de parfumo
De ordo, de bonesto kaj de floroj...

Jan komprenis. La rigardas la puntistinon, kaj diras :

Kaj... apud la fenestro, dolĉe, pace,
En milda lum' de tago subiĝanta,
Gracie sub la lina kufo ŝi
Klinadas sin... ŝi, kies korp hela
Kaj simpla aperigas antaŭ mi
Tutnovan mondon de beleco kaj de
Entuziasmo...

Jan estas savita ; per la mildeco de Kaatje, la mildeco de la patrujo tute reprenis lin.

Jen en siaj grandoj linioj tiu kortuŝanta intima verko.

La moralon de ĝi ni trovos en la antaŭparolo de S-ro **Verhaeren** :

« Certe, ne estas malpermesite iri malproksimen por entuziasmiĝi pro alilanda arto. Romo kaj Firenzo en la XVIa jarcento, Parizo en la XIXa, restas urboj de ega spiritaltigo kaj edukado ; sed oni ne estu ensorbata de ili tiom, ke oni el ili revenu kun iu Pomona, tute latina belulino, dum ia humila sed admirinda Kaatje, kies beleco estas nepre norda, nin atendas kaj nin amas silente en nia hejmo. En ŝi ni devas revidi nin mem, post iu ajn vojaĝo. En ŝi ni devas retrovi, ĉiam pli forte, nian profundan intiman vivon. »

La vortoj de S-ro **Verhaeren** povus esti dirataj de ĉiuj. Do, belega estas verko, kiu naskas tiajn sentojn : ĝi estas vere homa.

La citaĵoj, supre montritaj, povas doni ian ideon pri la beleco de la originala penso kaj la lerteco de la tradukinto, kiu sukcesplene faris tre sinceran sed tre malfacilan laboron. Multe mi povas ankoraŭ diri pri la aliaj personoj ; la Patro, la Patrino kaj la itala knabino Pomona. Sed mi intencas, nek trouzi la afablecon de la legantoj, nek ĉion montri, por ke ilia scivolemo koncerne tiu verko estu pli forte ekscitita, por ke ilia ricevu pli grandan deziron ĉeesti la prezentadon dum la kongreso. Fine mi ankoraŭ unu fojon dankas la organizantojn de la Sepa kongreso, ke ili elektis tiun teatraĵon, kiu estas « ne nur ĉi tiea, sed ankaŭ aliloka, ĉiea ».

Kaatje, kvankam en flandra kostumo, estante la esprimo de universala sento, okupos tre prave sian lokon, en universala kongreso de Esperanto, en Belgujo.

*El* **Belga Esperantisto**. F. DE MÉNIL.

---

Kelkaj fragmentoj el KAATJE estos forigataj dum la prezentado. Estas la jenaj :

Paĝo 6. — Lin. 7 : Kiam li veturis... ĝis lin. 13 : terura.
» 8. — Lin. 6 : Patrino !... ĝis lin. 18 : propra ido !
» 9. — Lin. 19 : Bone... ĝis paĝo 10, lin. 5 : infano !
» 14. — Lin. 20 : Mi.., ĝis paĝo 12, lin. 12 : Sed.
» 18. — Lin. 3 : Foriris... ĝis la lasta linio de la paĝo : Jan !
» 30. — Lin. 29 : Ne, plendi.., ĝis paĝo 31, linio 25 : refarata.
» 67. — Lin. 67 : Sed... ĝis lin. 69 : majstroverkojn.
» 97. — Lin. 9 : Preskaŭ .. ĝis paĝo 98, lin. 3 ; tie !
» 101. — Lin. 27 : Mi enŝlosis... ĝis paĝo 102, lin. 13 ; antaŭe !
» 108. — Lin. 8 : Sendube.., ĝis lin. 31 : tremus.

---

# Diversaj Informoj

**Aliĝoj**. — Ĝis nun (sabaton, la 19 an, je la sesa matene) 1573 gekongresanoj aliĝis, nome : 2 el Alĝerio, 1 el Aŭstralio, 25 el Aŭstrio, 171 el Belgujo, 3 el Bosnio, 2 el Brazilujo, 595 el Granda Britujo kaj Irlando, 2 el Bulgarujo, 1 el Ĉilo, 8 el Danujo, 365 el Francujo, 188 el Germanujo, 1 el Hindujo, 48 el Hispanujo (inkluzive Katalunujo), 33 el Holando, 1 el Holanda Hindujo, 8 el Hungarujo (inkluzive Kroatujo), 1 el Ĥinujo, 7 el Italujo, 1 el Kanado, 1 el Koŝinĥinujo, 1 el la Kuba Respubliko, 1 el Meksiko, 4 el Norvegujo, 5 el Rumanujo, 23 el Rusujo. 2 el Svedujo, 35 el Svisujo, 1 el Transvalujo, 1 el Urugvajlando, kaj 35 el Usono.

**Oficialaj delegitoj**. — S-ro DAVIGNON, ministro de la Eksterlandaj Aferoj, sendis, en la nomo de la belga registaro, invitojn al ĉiuj landoj reprezentataj en Bruselo, por ke ili sendu oficialajn delegitojn al la Sepa.

En nia venonta numero ni publikigos la liston de la oficialaj delegitoj.

**Ekspozicio**. — La ekspozicio estas malfermita ĉiutage de la 10a ĝis la 4a. *Oni estas insiste petata tuŝi neniun ekspoziciitan objekton.*

**Akceptejo**. — La akceptejo estas malfermita (en la Reĝa Ateneo):

Dimanĉon, la 20an : de la 8a ĝis la 12a matene, de la 2a ĝis la 5a, kaj de la 6a ĝis la 8a.

Lundon, la 21an : de la 8a ĝis la 10 1/2a, de la 1 1/2a ĝis la 2 1/2a , kaj de la 6a ĝis la 7a.

Mardon, merkredon kaj ĵaŭdon : de la 8a ĝis la 9a kaj de la 2a ĝis la 3a.

**Festeno**. — Kartoj por la festeno (po 5 sm.) estas aĉeteblaj en la vendejo.

**Rekomendataj firmoj**. — Ni konsilas al la gekongresanoj, ke ili prefere vizitu la butikojn, trinkejojn kaj restoraciojn, sur kies montraj fenestroj ili vidos *afiŝon kun verda stelo.*

**Vizitoj al la vidindaĵoj de la urbo**. — *Zoologia Ĝardeno* (Staciplaco, Statieplaats, Place de la Gare). — En la vendejo estas aĉeteblaj enirkartoj, kiuj valoras de la 20a ĝis la 27a inkluzive, por la malgranda prezo de *unu franko.* (La ordinara unufoja enirprezo estas 1,25 fr.)

*Urbestrarejo* (Granda Placo, Groote Markt, Grand' Place). — La eniro estas senpaga dum la tuta kongresa semajno de la 10a ĝis la 4a ; oni nur devas montri sian kongreskarton.

*Muzeo de Belaj Artoj* (Popolplaco, Volksplaats, Place du Peuple). — Same.

*Muzeo Plantin* (Vendredplaco, Vrijdagmarkt, Marché du Vendredi). — Same.

*Muzeo Steen* (Kajo Van Dijck, Van Dijckkaai, Quai Van Dijck). — Same.

*Muzeo de Folkloro* (Strato de l'S-ta Spirito, H. Geeststraat, Rue du St-Esprit). Same.

*Muzeo* FRANS CLAES (Strato S-ta Vincento, St-Vincentiusstraat, Rue St-Vincent. — Oni vidu la venontan numeron.

**Flandra Operejo.** — La jenaj sidlokoj estas *neniam* je la dispono de l'gekongresanoj.

*Teretaĝo*, n-roj 2,3,4,5,6,7,9,11,13,17,37,39,41,43,64,66,68, 70,72,100,102,104,122,124,350 kaj la antaŭscenejaj loĝioj ;

*Unua etaĝo*, la loĝioj n-roj 9,11,12 kaj 13, la antaŭscenejaj loĝioj, kaj la balkonseĝoj n-roj 16,18,39,40,31,42,65,66,67,94, 96,98,100,107,109,111,113,115,117 ;

*Dua etaĝo*, n-roj 26,28 kaj 182.

Dum la koncerto de *flandraj kantoj*, la *dua vico de l'teretaĝaj seĝegoj* ankaŭ ne estos je la dispono de l'gekongresanoj.

Por la prezentadoj de *Kaatje*, ĉiuj gekongresanoj devos havi numeritan karton, mendeblan antaŭe en la Akceptejo (1fr. por seĝo en la teretaĝo aŭ en la unua etaĝo, 0,50 fr. por la aliaj etaĝoj) aŭ havebla senpage en la Operejo, la vesperon de la prezentado, inter la 7a kaj la 8a.

**Malĝojigo okazintaĵo kun aeroplano.** — Kun granda bedaŭro ni konstatis, ke la aeroplano, per kiu RUBENS devos alveni sur la scenejo en *La Revuo de la Sepa* estas tro granda. Ĝi devos do resti malantaŭ la scenejo. Tamen la kongresanoj... aŭdos ĝian bruon.

**Inko por samideanoj.** — Ni varme rekomendas la inkojn *Pelikan*, kies anoncon la kongresanoj bonvole legos en nia gazeto

Samtempe ni enmetas en la nunan numeron folion, kiu enhavas detalojn pri ĉi tiu interesa entrepreno.

**Saluto al Belgujo.** — Ni atentigas ĉiujn gekongresanojn pri la bela kanto *Saluto al Belgujo*, paroloj de S-ro MENALDA, muziko de l'« patro de l'Espero », S-ro barono DE MÉNIL. Ĝi estas havebla en la Ekspozicio-Vendejo, po unu franko.

**La esperantistaj farmaciistoj**, ĉeestantaj la kongreson estas informataj, ke fakaj kunvenoj por farmaciistoj okazos en la Reĝa Ateneo, mardon 22an kaj vendredon 25an de aŭgusto je la 10 1/2 matene. — La *Cercle Médical* kaj *Société de Pharmacie* de Antverpeno, intime akceptos la kuracistojn kaj farmaciistojn, merkredon 22an je la 9a vespere, en la granda ĉambro de la Café Suisse, Verda Placo.

La esperantistaj farmaciistoj bonvolu sendi sian vizitkarton al la Sekretario de I. E. F. A. (Internacia Esperantista Farmaciista Asocio), S-ro OSCAR VAN SCHOOR, Vondelstraat, 20, Antverpeno.

**Ligo por la defendo de lingvo kaj nacieco de malvastaj nacioj.** — La samideanoj, kiuj deziras ĉeesti la kunsidon de ĉi tiu ligo, lundon 21an je la 10 1/2 matene en la Reĝa Ateneo, bonvolu sendi sian nomon kaj adreson al S-ro O. VAN SCHOOR, Vondelstraat, 20, Antverpeno.

## Komunikoj de la Organiza Komitato

**Grava Avizo.** — En la Reĝa Ateneo, kaj en ĉiu loko, kie okazos oficialaj kunsidoj aŭ manifestoj de la Sepa Kongreso, oni povos disdoni paperojn aŭ dokumentojn al la Kongresanoj, nur *post permeso de la Kongresa Estraro.*

**Instrukcio por sinjoroj rajtigitaj delegitoj.** — Tuj post sia alveno en Antverpeno, ĉiu Rajtigita Delegito devos iri al la Akceptejo de la Kongreso.

Se li posedas jam sian rajtigan karton, senditan de la Centra Oficejo, li devos prezenti tiun karton, kaj la aliajn kartojn, kiujn oni transdonis al li por ke li anstataŭu mankantajn delegitojn. Tiu prezento ebligos, ke oni notu la nombron da voĉoj, kiujn li posedas.

Se li ne posedas jam rajtigan karton, li devos prezenti al la Akceptejo la foliojn, kiuj rajtigas lin, kiel delegiton, de iu ajn societo aŭ grupo.

Ĉiu delegito ricevos specialan ruĝan karteton, kiun li videble portos sur si, por faciligi la grupigon kaj la kontrolon.

**Pri la kunsidoj de la Kongreso.** -- Por plifaciligi la specialajn laborojn de la elektitaj oficialaj komitatoj, kiuj, laŭ la Regularo de la Kongreso, devos, post antaŭa studado kaj diskutado, prepari la proponojn kaj decidojn prezentotajn, se konvenas, por aprobo aŭ sankcio al la tuta Kongreso, kaj por ebligi trankvilajn kaj seriozajn diskutojn, en tiuj apartaj kunsidoj, oni rezervigis specialajn ĉambrojn por la kunsidoj de tiuj komitato, nome : Lingva Komitato, Internacia financa Konsilantaro, Rajtigitaj Delegitoj.

Post la preparaj kunsidoj uzotaj por la kontrolado de povoj, kaj fiksado de la tagordoj, ĉiu komitato povos decidi mem, ĉu ĝiaj venontaj kunsidoj restos apartaj, rezervitaj al siaj anoj, aŭ ĉu ili estos publike ĉeesteblaj de ceteraj kongresanoj.

En tiu lasta okazo, la aranĝo de la ĉambroj ebligos la ĉeestadon de tiuj kongresanoj en apartaj lokoj.

Por plifaciligi la taskon de la oficistoj, kiuj zorgos pri la organizado de tiuj kunsidoj, oni preparis, por ĉiu komitato, specialajn kolorajn kartetojn, kiujn la komitatanoj ricevos kaj kiujn ili estas petataj videble porti sur si, por preni la specialajn lokojn de la ĉambroj rezervitaj por tiuj kunsidoj.

---

## OLIVARBO

*Soneto premiita en la 10a literatura konkurso.*

Maljuna olivujo, grizkolora,
Kun trunko forta kaj branĉar' tordita,
De Dio kaj de homoj sambenita,
Regadas en herbejo bonodora.

Fruktetoj mil de la folioj pendas,
Kaj, el trezoro tiu, ĝi donacon
Al mondo soifanta ĝojan pacon —
Nutrajon, sanigilon, lumon — sendas.

Ĝi estas maljunulo blankharara ;
Mortintaj nun la ampasiaj tagoj,
Velkinta la floraro de beleco !

Sed, kun anim' trankvila kaj bonfara,
Li restas post vivad' de noblaj agoj,
Verŝante la oleon de saĝeco.

CLARENCE BICKNELL.

## Kongresa Programo

(Ni intermiksas la oficialajn kaj la neaficialojn partojn).

*Vendredon, la 18an.* — Je la 2a, malfermo de la Akceptejo (Reĝa Ateneo).

*Sabaton, la 19an.* — Je la 10a, malferma de la Ekspozicio (Reĝa Ateneo). Je la 3a, akcepto de D-ro Zamenhof kaj de la esperantista stabo en la Urbestrarejo. Je la 8 1/2a, koncerto de la *Vagabonda Klubo* (Flandra Operejo) alirebla por ĉiuj kongresanoj.

*Dimanĉon, la 20an.*— Je la 8a, katolika diservo en la Ĉefpreĝejo. Je la 11a, diservo en la germana protestanta preĝejo, strato Bex (apud la Parko). Je la 3a, koncerto en la Zoologia Ĝardeno. Je la 8a vespere, prezentado de *Devo de Reĝo, Por kvietaj personoj, La Revuo de la Sepa* (Flandra Operejo).

*Lundon, la 21an.* — Je la 9a, kunsido por elekto de naciaj delegitoj, kontrolado de la povoj de la rajtigitaj delegitoj (Reĝa Ateneo). Je la 10 1/2a, privataj kunsidoj: Malvastnacianoj, Instituto de S-ro Privat, Ekzamenoj, Teosofistoj, Studentoj, subskribintoj de la petskribo de S-ro Grisier (Reĝa Ateneo). Je la 3a, oficiala malferma kunsido (Festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je la 8a vespere, aŭdigo de flandraj kantoj (Flandra Operejo).

*Mardon, la 22an.* —Je la 8a vespere, prezentado de *Kaatje* (Flandra Operejo), koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

*Merkredon, la 23an.* — Je la 8a vespere, prezentado de *Kaatje* (Flandra Operejo), diversaj akceptoj.

*Ĵaŭdon, la 24an.* — Je la 10a, ĝenerala labora kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno).

*Vendredon, la 25an.* — Je la 9a vespere, balo (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Sabaton, la 26an.* — Je la 10a, ferma plena kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je la 7a, festeno (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Dimanĉon, la 27an.* — Je la 8a vespere, koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

*Lundon, la 28an.* - Komenco de la postkongresa ekskurso.

Pri ĉiuj aliaj kongresaranĝoj oni detale legos en la venontaj numeroj de la Kongresa Gazeto.

### NOMARO DE LA GEKONGRESANOJ

*(Daŭrigo de la listo aperinta en la Kongreslibro)*

1201. Bettges, Johann, librotenisto, Heinitzstr., Essen-Ruhr (Germ.)
1202. F-ino Muir, E. S., West Coates, 1, Edinburgh (Skot.)
1203. Craig, John, vojaĝisto, Glen Street, 25, Paisley »
1204. Scott; Alexander Oliver, komizo, Park Terrace, 5, » »
1205. Wilson, John, inĝeniero, West Croft Street, 8, » »
1206. F-ino Blake, Mary L., brodistino, Harlesden Gardens, 35, London (Angl.)
1207. F-ino Rowland, Maud, artistino, » » » »
1208. Raimond, Albert, vinkomercisto, rue Gossec, 11, Paris (Franc.)
1209. Jégu, Georges, notaria ĉefoficisto, rue de la Paix, Laval (Mayenne-Fr.)
1210. Buisson, Firmin, Quai Sadi Carnot, » » »
1211. S-ino Buisson, » » » » » »
1212. F-ino Hoffmann, E., Markstr., 11, Wiesbaden (Germ.)
1213. F-ino Doria, Helène, 1, rue de Babylone, Paris (Franc.)
1214. F-ino Magdeburg, Carola, Wilhelmshöherallee, 27, Cassel (Germ.)
1215. Hatton, Josiah Thomas, sekretario de kompanio, Slyne Road, 22, Lancaster (Angl.)
1216. Heywood, John James, fervoja inĝeniero, Ashton Road, » »
1217. F-ino Shapley, Any, Westwood, Spicer Road, Exeter (Devonsh. »
1218. S-ro Knegt, Albert, oficisto de postoj kaj telegrafoj, Batavia, (Hol. Hind.)
1219. F-ino Körner, Alwine, Sandweg, 8, Braunschweig (German.)
1220. F-ino Volkmann, Irmgard, Bertramstr., 56, » »
1221. F-ino Fehlmann, C., 3, rue de Tourville, Havre (Franc.)
1222. Denis, H., 29, rue Fontenoy, » »
1223. Ternon, H., 4, rue Hélène, » »
1224. Lamant, Louis, bankoficisto, Faubourg du Pont-Neuf, 7, Limoges »
1225. Denis, Louis, oficisto, 3, Faubourg Croix Maudonnaud, » »
1226. Berland, Léon, oficisto, 7, rue de la Paix, » »

*(Daŭrigota.)*

# KONGRESA GAZETO

de la

## SEPA INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO



(Antverpeno, 20-27 aŭgusto 1911)



La gazeto aperas sesfoje : la 19an, la 21an, la 22an, la 23an, la 25an, 26an de aŭgusto.

N=ro 2.
Lundon, la 21an de Aŭgusto 1911.

Unu ekzemplero estas senpaga por la kongresanoj ; pluaj ekzempleroj kostas po 10 centimoj. — La kolekto (ses numeroj) : 1 frankon.

## FLANDRAJ KANTOJ

En la diversaj landoj, kiujn li trairas, vojaĝanto volonte konatiĝas kun ĉio, kio estas propra al la vizitata regiono, kun ĉio, kion li ne aliloke trovas : li kun intereso rigardas la naciajn vestaĵojn de la Svisino, de l'Norvegino, de l'Hispanino, de la Holanda kamparano, li kun miro aŭskultas la ĉie malsamajn lingvojn, li atente rimarkas la specialajn morojn kaj kutimojn.

Kosmopolita urbo, kiel Antverpeno, grandparte perdis tion, kion la Francoj nomas la *loka koloro* ; ĝi similas multajn grandajn urbojn en aliaj landoj. Krom eble ĉe iu enloĝantino de najbara vilaĝo, iranta al la vendejo — kaj ĉe la «urbaj vilaĝaninoj» en kafejo — la kongresanoj ne vidos lokajn vestaĵojn. Same, la flandraj specialaj kutimoj ankaŭ iom post iom malaperis.

Kion specialan, tute ĉi tiean, ni havas por prezenti al vi, karaj gesamideanoj, venintaj en nian urbon el ĉiuj mondpartoj ?

Niajn kantojn. Niajn belajn flandrajn kantojn, en kiuj vere sin aŭdigas la animo de nia popolo. Kelkajn malnovajn inter ili la Flandrano ne ankoraŭ forgesis : unuj estas iom mistikaj, preskaŭ religiaj ; aliaj estas bonhumoraj, vivaj petolemaj. La nuntempaj flandraj voĉaj verkoj, ŝuldataj precipe al Peter Benoit kaj al lia skolo, estas plenaj de tiu amo al la hejmlando, kiu distingas ĉiun flandranon ; ili estas ĉu flamaj, kiel la Tirteaj ŝtrofoj ; aliaj estas dolĉaj amkantoj, ofte iom melankoliaj. Kvankam verkitaj en popola stilo, ili havas altan muzikan valoron.

Ĉeestu do ĉiuj, karaj gekongresanoj, la hodiaŭan koncerton de flandraj kantoj. Ne timu, ke vi ne komprenos ; la flandra muziko, same kiel la flandra animo, ne estas komplika, kaj oni ne bezonas esti klerulo por ĝin kompreni : ĝi turnas sin ne al la spirito, sed al la koro.

Jan.

## LA GEKANTONTOJ

F-ino **Bertha Seroen** brile studadis ĉe la Brusela Konservatorio. Dum kelkaj jaroj ŝi estis koncertkantistino, kaj ĉerpis aplaŭdojn ĉe la koncertoj de la Reĝa Konservatorio en Bruselo, de la Kursaal en Ostendo, en Blankenbergo, Spa, Antverpeno, Gento, k. t. p. ; poste ŝi kantis en la teatroj de Loveno kaj de Antverpeno. De 1908 ĝis 1910 ŝi kantadis en la Brusela Operejo kaj por 1910-1912 ŝi havas novan kontrakton kun la Flandra Operejo de la Skeldurbo.

F-ino **Edith Buyens** studis grandsukcese ĉe la Reĝaj Konservatorioj de Gento kaj de Bruselo. Ŝi ĉeestis la kursojn de F-ino Jeanne Flament kaj de l'fama Wagnerkantisto Ernest Van Dyck. Poste, ŝi partoprenis kiel solistino en la plej gravaj koncertoj en Belgujo, nome en la Brusela kaj Genta Konservatorioj, en la Societo de Preĝeja Muziko, k. t. p. Nun ŝi estas la ĉefa aldkantistino de la Antverpena Flandra Operejo.

Sinjoro **Jaak Bol**, post studoj en la Antverpena Konservatorio, kantadis en la Flandra Reĝa Operejo de Hago, kaj poste en la Flandra Operejo de Antverpeno, kie li nun jam de tri jaroj rikoltas grandan sukceson.

Sinjoro **Jan Collignon** studadis en la Antverpena kaj la Genta Konservatorioj, kaj kantadas en la Flandra Operejo de post decembro 1894. Li partoprenis la «kreadon» de l'operoj de preskaŭ ĉiuj flandraj komponistoj. Pro lia admirinda voĉo kaj bonega kantmetodo li estas unu el la plej ŝatataj flandraj artistoj.

J.

La jenaj sidlokoj ne estas je la dispono de l' gekongresanoj hodiaŭ vespere.

*Teretaĝo*, la tri unuaj vicoj kaj la antaŭ scenejaj loĝioj ;

*Unua etaĝo*, la loĝioj n-roj 9 11,12 kaj 13, la antaŭscenejaj loĝioj, kaj la balkonseĝoj n-roj 16,18,39,40,41,42,65,66,67,94.96,98,100,107,109,111,113, 115,117 ;

*Dua etaĝo*, n-roj 26,28 kaj 102.

## Hodiaŭ, je la 8a vespere, en la Flandra Operejo

# Aŭdigo de Flandroj Kantoj

F-ino Bertha Seroen, de la Reĝa Operejo de Bruselo kaj de la Flandra Operejo de Antverpeno
F-ino Edith Buyens de la Flandra Operejo
S-ro Jaak Bol » » »
S-ro Jan Collignon » » »

### UNUA PARTO
(Malnovaj Kantoj)

1. **Er was een maegdetje** (Estis virgulineto), F-inoj Seroen kaj Buyens.
2. **Gequetst ben ic van binnen** (Vundita mi estas interne), S-ro Collignon.
3. a) **Here Halewijn** (Sinjoro Halewijn),
   b) **Het wasser te nacht** (Estis nokto),
   F-inoj Seroen kaj Buyens, S roj Bol kaj Collignon.
4. **Het Kwezelken** (Diru, bigotulineto), S-ro Bol.
5. **Van twee Conincskinderen** (Pri du gereĝidoj), F-ino Seroen.
6. **'k Kwam laestmael over bergen en dalen** (Antaŭ ne longe mi iris tra montoj kaj valoj), F-inoj Seroen kaj Buyens, S-ro Bol kaj Collignon.
7. a) **Naar Oostland** (Al Orientlando),
   b) **Gelijk een roos** (Kiel rozo),
   F-ino Buyens.
8. a) **Vaarwel, mijn broeder** ! (Adiaŭ, frato !).
   b) **Des winters als het reghent** (Vintre, kiam pluvas),
   F-inoj Seroen kaj Buyens, S roj Bol kaj Collignon.

### DUA PARTO
(Nuntempaj Kantoj)

1. **Het lied der Vlamingen** (La Kanto de l' Flandranoj), Peter Benoit. S-ro Bol.
2. **Mijn hart is vol verlangen** (Mia koro estas plena de deziro), Peter Benoit. F-ino Buyens.
3. **Ik ken een lied** (Mi konas kanton), Willem De Mol. S-ro Collignon.
4. a) **Heeft het roosje milde geuren** (La rozeto milde odoras), Peter Benoit.
   b) **Lied uit «Herbergprinses»** (Kanto el «Trinkejprincino »), Jan Blockx.
   F-ino Seroen.
5. **Lied uit « Quinten Massys »** (Kanto el « Quinten Massys »), Em. Wambach. S-ro Bol.
6. **De Schelde** (La Skeldo), Karel Mestdagh. F-ino Buyens.
7. **Lentelied** (Printempa kanto), Willem De Mol. S-ro Collignon.
9. **Mijn Vlaanderen heb ik hartlijk lief** (Mian Flandron mi tutkore amas), G. Antheunis. S-ro Bol.
10. **Ons Vaderland** (Nia Patrujo), Jan Blockx. F-ino Buyens.
11. **Serenade uit « Milenka »** (Serenado el «Milenka»), Jan Blockx. F-inoj Seroen kaj Buyens.
12. **Mijn moederspraak** (Mia gepatra lingvo), Peter Benoit. S-ro Collignon.
13. a) **Arteveldelied** (Kanto de Artevelde), Gevaert.
    b) **De Vlaamsche Leeuw** (La Flandra Leono), Karel Miry.
    F-inoj Seroen kaj Buyens, S-roj Bol kaj Collignon.

*Pianisto : S-ro JULIUS DE VOS, de la Flandra Operejo.*

## Er was een Maegdetje

Er was een maegdetje zuiver en net,
In Davids stad geboren ;
Het staet gheschreven al in de wet,
Van God was zij verkoren ;
Zij bleef ten allen stonde
Zuiver van alle zonde ;
Zij is, voorvaer,
Een spiegel klaer,
Voor u, o maegden, eerbaer.

Een engel kwam met groot eerwaerd
Tot haer, naer Gods behagen,
En sprak haar toe : « O reine maegd,
Ave, gratia plena ! »
Zij was verwonderd alzoo zeer,
Dees teedre creature,
Als zij daer zag in blank gewaed
Gods engel glansend pure.

Er was een maegdetje, enz.

## Estis virgulineto

Estis virgulineto puranima,naskiĝinta en la urbo de Davido ; estas skribite en la leĝo,ke ŝi estas elektita de Dio. Ŝi ĉiam restis libera de ĉia peko ; ŝi estas certe hela, kiel spegulo, kaj honorinda por vi, virgulinoj.

Anĝelo venis al ŝi, kun granda respekto, laŭ la volo de Dio, kaj diris : « Puranima virgulino, ave, gratia plena ! » La simpla virino ege miris, vidante la brilan anĝelon de Dio en blankaj vestoj.

Estis virgulineto, k. c.

---

## Gequetst ben ic van binnen

Gequest ben ic van binnen,
Deurwont mijn hert so seer,
Van uwer ganscher minnen
Gequetst so lanc so meer.
Waar ic mi wend, waar ic mi keer,
Ic en can gherusten dach nog nachte ;
Waar ic mi wend, waar ic mi keer,
Ghi sijt alleen in mijn ghedachte.
Gequetst ben ic, enz.

## Vundita mi estas interne

Vundita mi estas interne, mia koro estas tute traborita, pli kaj pli vundita de la amo al vi. Kien ajn mi iras, kien ajn mi turnas min, nek tage nek nokte mi trovas ripozon ; kien ajn mi iras, kien ajn mi turnas min, vi sola estas en miaj pensoj. Vundita mi estas, k.c.

---

## Here Halewijn

Here Halewijn sanc een liedekijn ;
Al wie dat hoorde, wouder bi sijn.

Dat vernam een conincskint,
Herde scone ende bemint.

Ende si ghinc voor vader staen :
« Vader, mach ic naar Halwine gaen ? »

« Neen, mine dochter, neen ; ghi siet,
Die daar gaen, en keeren niet. »

Here Halewijn sanc een liedekijn ;
Al wie dat hoorde, wouder bi sijn.

## Sinjoro Halewijn

Sinjoro Halewijn kantis kanton ; ĉiu, kiu ĝin aŭdis, deziris esti ĉe li.

Tion eksciis reĝidino bela kaj amata.

Kaj ŝi iris al sia patro:«Patro, ĉu mi povas iri al Halewijn ? »

« Ne, filino, ne ; tiuj, kiuj iras tien, ne revenas. »

Sinjoro Halewijn kantis kanton ; ĉiu, kiu ĝin aŭdis, deziris esti ĉe li.

---

## Het wasser te nacht

Het wasser te nacht, also soete nacht,
Dat alle die voghelen songhen ;
Die fiere nachtegael hief op een lied
Met sijnder wilde tonghen.

Wi waren ghescheiden, mijn zoete lief
[en ic ;
Het is haar na so wel berouwen.
Wi souden also saem vergadert sijn,
Woude si mi sijn ghetrouwen.

Het wasser te nacht, enz.

Nu wil ik gaan trecken al in dat groene
[woud,
Die fiere nachtegale vraghen
Waer omme dat si nu ghescheiden sijn,
Die eens tweegoede liefkens waren

Het wasser te nacht, enz.

## Estis nokto

Estis nokto, tiel dolĉa nokto : ĉiuj birdoj fajfadis ; la fiera najtingalo komencis kanton,per sia sovaĝa gorĝo.

Ne estis disigitaj, mia milda amatino kaj mi : nun ŝi sendube tion bedaŭras. Ni estus ankoraŭ kune, se ŝi estus restinta fidela.

Estis nokto, k. c.

Nun mi volas iri en la verdan arbaron, nur demandi la fieran najtingalon, kial nun estas disigitaj tiuj, kiuj iam estis bonaj geamantoj.

Estis nokto, k. c.

---

## Zeg, kwezelken...

« Zeg, kwezelken, wilde gij dansen ?
Ik zal u geven een ei. »
« Wel neen ik », zei dat kwezelken,
« Van dansen ben ik vrij.
'k En kan niet dansen,
'k En mag niet dansen :
Dansen is onze regel niet,
Begijntjes of kwezelkens dansen niet.»

« Zeg, kwezelken, wilde gij dansen ?
Ik zal u geven een koe. »
« Wel neen ik, zei dat kwezelken,
« Van dansen word ik te moe.
'k En kan niet dansen, enz.

« Zeg, kwezelken, wilde gij dansen ?
Ik zal u geven een paerd. »
« Wel neen ik, » zei dat kwezelken,
« 'tEn is mij dansen niet waerd.
'k En kan niet dansen, enz.

« Zeg, kwezelken, wilde gij dansen ?
Ik zal u geven een man. »
« Wel ja ik, » zei dat kwezelken,
« 'k Zal al doen wat ik kan.
Ik kan wel dansen,
Ik mag wel dansen :
Dansen is onze regel wel,
Begijntjes en kwezelkens dansen wel.»

## Diru, bigotulineto...

« Diru, bigotulineto, ĉu vi volas danci ? Mi donos al vi ovon. » — « Tute ne, » diris le bigotulineto, « ni ne ŝatas danci. Mi ne scias danci, mi ne rajtas danci : danci ne estas permesite de niaj reguloj, monaĥinetoj aŭ bigotulinetoj ne dancas. »

« Diru, bigotulineto, ĉu vi volas danci ? Mi donos al vi bovinon. » —« Tute ne,« diris la bigotulineto, « danci tro lacigas min. Mi ne scias danci, k. c.

« Diru, bigotulineto, ĉu vi volas danci ? Mi donas al vi ĉevalon. » — « Tute ne, » diris la bigotulineto, « tiu ne valoras la penon danci. Mi ne scias danci, k. c.

« Diru, bigotulineto, ĉu vi volas danci ? Mi donos al vi edzon. » — « Certe jes, » diris la bigotulineto, « mi faros ĉion, kion mi kapablas. Mi scias certe danci,mi certe rajtas danci : danci estas certe permesite de niaj reguloj, monaĥinetoj kaj bigotulinetoj certe dancas. »

---

## Van twee Conincskinderen

Het waren twee conincskinderen,
Sy hadden malcander soo lief ;
Sy conden bijeen niet comen,
Het water was veel te diep.
Wat deed sij ? Sij stac op drie keersen,
Als savonts het dagelicht sonc :
« Och liefste, swemter over ! »
Dat dęet sconincs sone, was jonc.

Dit sach daer een oude quene,
Een al soo vilijnich vel ;
Sy ghinker dat licht uytblasen,
Doen smoorde die jonghe held.
« Och moeder, mijn liefste moeder,
Mijn hoofdjen doet mijnder soo wee ;
Mocht icker wijle gaen wandelen,
Gaen wandelen al langs de see ! »

Sy ginc langs de see gaen wandelen,
Een visscher te visschen stont.
Int corte was daer gevisschet
Sconincs sone, van jaren was jonc.
Sy nam doen haer lief in haer armen,
En custe hem aen synen mond.
«Och,mondeken,cost ghy nog spreken!
Och, herteken, waert ghy gesont ! »

## Pri du geregidoj

Estis du gereĝidoj, ili ege amis unu la alian ; ili ne povis kunveni: la akvo estis multe tro profunda. Kion ŝi faris ? Ŝi ekbruligis du kandelojn, kiam vespere la taglumo subiĝis : « Ho, amato, transnaĝu la akvon !» Tion faris la juna reĝido.

Tion vidis maljuna, malbela malbonulino ; ŝi estingis la lumon ; tiam dronis la juna heroo. « Ho, patrino,kara patrino,mia kapo tiom doloras min ! Ĉu mi povas promeni dum kelka tempo laŭlonge de la maro ? »

Ŝi promenis laŭlonge de la maro; tie fiŝkaptisto fiŝkaptadis. Baldaŭ li kaptis la junan reĝidon. Ŝi ĉirkaŭprenis tiam sian amaton kaj kisis lin sur Iia buŝo : « Ho, buŝeto, se nur vi kapablus paroli ! Ho, koreto, se nur vi estus sana ! »

---

## 'k Kwam laestmael over bergen en dalen

'k Kwam laestmael over bergen en dalen
En ik zag er van verre mijn zoete lief aen,
En ik wenkte haer met mijn snelle bruin oogjes,
En ik vraegde aen het meisjen of zij mede wilde gaen.
« Voor nu en wil ik niet wandelen, » zei ze,
« Voor nu en wil ik niet wandelen gaen,
Maar komt t'avond, schoon lief, als het maentje schijnt klaer,
En dan zullen wij samen uit wandelen gaen. »
't Wierd noen, 't wierd avond, het maantje scheen klare,
En ik nam er mijn zoete lief bij haar hand
En ik leidde haer onder een lindeboom groene
Waer het nachtegaeltje zoo liefelijk zong.

## Antaŭ nelonge mi trairis montojn kaj valojn

Antaŭ nelonge mi trairis montojn kaj valojn kaj mi de malproksime ekvidis mian karan amatinon, kaj mi signis al ŝi per miaj beletaj brunaj okuloj, kaj mi petis, ĉu ŝi bonvolas iri kun mi. « Nun mi ne volas promeni, » ŝi diris, « nun mi ne volas promeni, sed venu hodiaŭ vespere, amato, kiam la luneto hele brilos, kaj tian ni kune promenos.» Tagmeziĝis, vesperiĝis, hele brilis la luneto, kaj mi prenis la manon de mia kara amatino, kaj mi kondukis ŝin sub verdan tilion, kie la najtingaleto tiel rave kantis.

---

## Naar Oostland

Naar Oostland willen wij rijden,
Naar Oostland willen wij meê,
Al over die groene heiden,
Frisch over die heiden,
Daar is er een betere steê.

Als wij binnen Oostland komen
Al onder dat hooge huis fijn,
Daar worden wij binnen gelaten,
Frisch over die heiden,
Zij heeten ons willekom zijn.

Wij drinken den wijn er uit schalen
En bier ook zooveel ons belieft ;
Daar is het zoo vroolijk te leven,
Frisch over die heiden,
Daar woont er mijn zoete lief.

## Al Orientlando

Al Orientlando ni volas veturi, en Orientlando ni volas esti, trans la verdaj erikejoj, jes, trans la erikejoj, tie estas pli bona lando.

Kiam ni estos alvenintoj en Orientlando, antaŭ tiu bela, alta domo, oni bonvendiros nin.

Ni trinkos vinon el pokaloj, kaj bieron ankaŭ, tiom kiom plaĉos al ni ; tie oni tiel feliĉe vivadas, trans la erikejoj,tie loĝas mia dolĉa amatino.

---

## Gelijk een Roos

Gelijk een roos in 't groene veld,
Aen d'eenzaemheid gewend,
Door eenen storm wordt neergeveld
In 't midden van haer lent' ;
Dit lot is aen een maegt besteld
Die de liefde niet en kent.

Wien heeft het leven ooit behaegd
't En zij hij heeft bemind ?
En die geen ware liefde draecht
Kiest immers eenen vrind.
Zeg mij, wie is u lief, o maegt,
Die plaets in uw herte vindt ?

## Kiel rozo

Rozo sur la verda kampo, alkutimiĝinta al soleco, estas disfrapata de ventego, en la mezo de sia printempo: tia sorto okazos al junulino, kiu ne konas amon.

Al kiu iam plaĉis vivo, se li ne amis? Tiu,kiu ne havas veran amon, ja elektas amikon. Diru, junulino, kiu estas la amato, kiu regas en via koro ?

---

## Vaarwel, mijn broeder !

Vaarwel, mijn broeder, ik zie u nooit meer weer. Het uur van 't afscheid zal zoo aanstonds slaan. O, denk toch steeds aan mij ! Ik blijf steeds hopen ; God zegene uwen tocht ! Vaarwel, mijn broeder !

## Adiaŭ, frato !

Adiaŭ, frato mi neniam plu revidos vin. La horo de l'disiĝo tuj sonos. Ho, pensu ĉiam al mi ! Mi daŭrige esperas ; Dio benu vian vojiradon ! Adiaŭ, frato !

---

## Des winters als het reghent

Des winters als het reghent
Dan sijn de paetjes diep, ja diep ;
Dan komt het lose vischertjen
Visschen al inne dat riet, ja riet,
Met sinen rijfstoc, met sinen strijc-
[stoc,
Met sinen lapsac, met sinen cnapsac,
Met sine leere van dirre dom deere,
Met sine leere laarsjes aan.

Dat losse molenaiinnetje
Ghinc in haer deurtje staan, ja staen,
Opdat dat aerdich vischertje
Voor bi haer henen sou gaen, ja gaen,
Met sinen rijfstoc, enz.

## Vintre, kiam pluvas

Vintre, kiam pluvas, la vojetoj estas marĉaj, ; tiam la ruza fiŝkaptisteto venas por fiŝkapti ĉe la kanoj, kun sia bastono, sia sako kaj siaj ledaj botetoj.

La ruzo muelistineto iris antaŭ sian pordeton por ke la aminda fiŝkaptisto preterpasu ŝin kun sia bastono, sia sako kaj siaj ledoj botetoj.

— Wat heb ik jou misdreven,
Wat heb ik jou misdaen, ja daen,
En dat ic niet met vreden
Voor bi jouw deurtje mag gaen. ja gaen?
Met minen rijfstoc, k. c.

— Ghi hebt mij niet misdreven,
Ghi hebt mij niets misdaan, ja daen,
Maer ghi moet mi driemael soenen
Eer ghi van hier meught gaen, ja gaen,
Met uwen rijfstoc, k. c.

———

## Het Lied der Vlamingen

Waar Maas en Schelde vloeien,
De Noordzee bruist en stormt ;
Waar vrede en kunsten bloeien,
De vrijheid mannen vormt ;
Waar velden, wouden, weiden,
Als gaarden rijk beplant,
De weelde en vreugd verspreiden,
Daar is ons Vaderland !

O vaderland, o vrijheid,
Gij adelt ons gevoel ;
Wij zweren ook met blijheid :
Uw toekomst is ons doel ;
Wij zullen, jonge scharen,
Steeds onzen plicht gestand,
Met hart en hand bewaren
Het heilig Vaderland !

EMANUEL HIEL.

———

## Mijn hart is vol verlangen

Mijn hart is vol verlangen
En wacht op 't zoete heilwoord,
Dat men in blijde zangen
Der liefde hoort !
Zal hij dan nooit verklaren
't Gevoel dat in zijn oog speelt
En mij doet droomend staren...
En voor mijn geest doet waren
't Heerlikst beeld ?

De kindertijd is henen ;
Moet 't hart daarom gedood zijn ?
Of moeten wij slechts weenen,
Vol liefdepijn ?
De tranen mogen stroomen,
Zij dooven toch den gloed niet,
Dien mijne ziel in droomen
Tot hem verrukt gekomen,
Blij geniet.

O, wat men moge zeggen,
Geen drang en drukt 't gevoel neer,
Geen ketens moet men leggen
Aan liefde teer ;
Zij schiet haar vuurge stralen
Door 't duister van 't vooroordeel ..
Mag zij niet zegepralen,
Dan blijft in 't graf te dalen
't Eenigst deel.

EMANUEL HIEL.

———

## Ik ken een lied

Ik ken een lied, dat 't hart bekoort,
Ik ken een lied vol melodij ;
Ik heb het reeds als kind gehoord ;
Die tijd is lang voorbij...
Mijn moeder zong het bij de wieg
Van haren eersten zoon ;
Het klonk zoo lief in haren mond,
Zoo heerlik zacht en schoon...
O moederzorg ! O moederlied !
Mijn hart vergeet u niet.

—Kian malbonajon mi faris al vi, ĉar mi ne povas pace preterpasi via pordeton, kun mia bastono, mia sako kaj miaj ledaj botetoj ?

— Vi neniun malbonajon faris al mi, sed vi devos kisi min trifoje, antaŭ kiam vi povos foriri, kun via bastono, via sako kaj viaj ledaj botetoj.

———

## La kanto de l'Flandranoj

Tie, kie la Mozo kaj la Skeldo fluas, kie la Norda Maro ŝaŭmas kaj bruas ; kie la paco kaj la artoj floras ; kie la Libereco faras virojn ; kie kampoj, arbaroj, herbejoj, kresk ajriĉaj kvazaŭ ĝardenoj, produktas riĉecon kaj ĝojon, tie estas nia Patrujo !

Ho Patrujo, ho libereco, vi nobligas nian sentaron ; ni ĝoje juras, ke via estonta grandeco estas nia celo ; ni, la junularo, ĉiam memorante nian juron, defendos per la koro kaj la mano la sanktan Patrujon !

———

## Mia koro estas plena de deziro

Mia koro estas plena de deziro kaj atendas la mildan, feliĉigan parolon, kiun oni aŭdas en la ĝojaj amaj kantoj ! Ĉu li do neniam esprimos la senton, kiu brilas en liaj okuloj, kiu igas min revante rigardadi... kaj kiu aperigas antaŭ mia okulo la plej belegan bildon ?

La infanjaroj estas for ; ĉu tial la koro devas esti mortinta ? Au ĉu ni nur devas plori pro amdoloro ? La fluantaj larmoj tamen ne estingas la flamon de mia ravata, revema animo, kiu sopiras al li.

Ho, kion ajn oni diros, nenia perforto povas ŝangi la sentojn, per neniaj katenoj oni povas ligi la veran amon ; la amo sendas siajn flamajn radiojn tra la mallumo de l'antaŭjuĝo, se ĝi ne sukcesas venki, la sola al ĝi restanta sorto estas malsupreniĝi en la tombon.

———

## Mi konas kanton

Mi konas kanton, kiu ravas la koron, mi konas kanton plenan de melodio ; mi jam aŭdis ĝin, kiam mi estas infano ; tiu tempo jam de longe estas for... Mia patrino kantis ĝin apud la lulilo de sia unua filo ; ĝi sonis tiel ĉarme el ŝia buŝo, tiel mistere dolĉe kaj bele... Ho patrinzorgo ! Ho patrinkanto ! Mia koro ne forgesas vin.

Ik ken een lied, dat 't hart bekoort,
Ik ken een lied vol melodij ;
Ik heb het in mijn jeugd gehoord ;
Die tijd is lang voorbij...
Zij zong het ook, de blonde maagd
Die eens mijn liefde won ;
't Was in het veld langs groen en loof,
Bij lentelucht en zon....
O jeugd en liefde ! O rozeblaân !
Hoe snel verwelkt, vergaan !

Ik ken een lied vol zoete min,
Ik ken een lied vol melodij ;
Men zong het in mijn huisgezin ;
Die tijd is lang voorbij...
Nu zingt het niemand, niemand meer
Den ouden, armen man ;
Geen vrouw kust mij de tranen af,
Die 'k niet weerhouden kan...
Geen kind zingt 't liedje van voorheen..
'k Ben oud en gansch alleen.

GENTIL ANTHEUNIS.

———

## Heeft het roosje milde geuren

Heeft het roosje milde geuren,
Het heeft ook reinheidsvonken ;
Zoo glimmen liefjes lippen
Van reinheid als de roos.

Heeft het roosje reinheidsvonken,
Het schijnt naar spel te trachten ;
Zoo schijnen liefjes lippen
Te smachten naar het spel.

Schijnt het roosje blij te trachten
Naar lustig vogelnippen,
Zoo wachten liefjes lippen
Naar mijnen warmen kus.

EMANUEL HIEL.

———

## Lied uit «Herbergprinses»

Ik heb een moederken uitverkoren,
Ik heb een moederken zoet !
Men ziet de goedheid zachtjes gloren
In alles wal ze doet.
Wat ooit mijn ziele moge vangen,
Moederken mijn zoetste zangen,
Moederken zoet !

Ik heb een lieveken rein van zinnen,
Ik heb een lieveken teer !
Zou 'k niet eeuwig trouw beminnen ?
Geen braver is er meer !
Wat ooit mijn ziele moge vangen,
't Lieveken mijne warmste zangen,
't Lieveken teer !

Ik stijg vol glans in 't rijk der tonen,
Door stoute droomen bezield !
Hoe afgunst spot en tracht te honen
Voor kunst, ja, diep geknield !
Wat ooit mijne ziele moge vangen,
Mannelijk klinken mijne zangen,
Krachtig bezield !

NESTOR DE TIÈRE.

———

## Lied uit «Quinten Massijs»

Er is in 't woud geen bloem
Zoo geurig als du zijs,
Mijn oogenlust, mijn roem !

Mi konas kanton, kiu ravas la koron, mi konas kanton plenan de melodio ; mi aŭdis ĝin, kiam mi estis junulo ; tiu tempo jam de longe estas for.... Ŝi ĝin kantis ankaŭ, la blonda virgulino, kiun mi iam amis...Estis en la verda kamparo, dum printempa aero kaj suno. Ho juneco kaj amo ! Ho rozfolioj ! Kiel rapide vi velkis, vi malaperis!

Mi konas kanton plenan de amo, mi konas kanton plenan de melodio ; oni ĝin kantis en mia hejmo ; tiu tempo de longe estas for... Nun ĝin kantas plu neniu, neniu, por la maljuna, malfeliĉa viro ; neniu virino forkisas la larmojn, kiujn mi kontraŭvole verŝas... Neniu infano kantas la iaman kanton... Mi estas maljuna kaj tute sola.

———

## La rozeto milde odoras

La rozeto milde odoras, sed ĝi havas ankaŭ purecfajrerojn ; la lipoj de mia amatino brilas pro pureco, kiel la rozo.

La rozeto havas purecfajrerojn, kaj ĝi ŝajnas deziri kareson ; tiel ankaŭ la lipoj de mia amatino ŝajnas deziri kareson.

La rozo ŝajnas goje atendi la gajan kareson de birdo ; tiel la lipoj de mia amatino ŝajnas atendi mian varman kison.

———

## Kanto al «Trinkejprincino»

Mi havas amatan patrinjon, mi havas dolĉan patrinjon! Ŝia boneco brilas en ĉio, kion ŝi faras. Kio ajn iam regos mian animon, al mia patrinjo ĉiam iros miaj plej dolĉaj kantoj ! Dolĉa patrinjo !

Mi havas amatinon puran, mi havas amatinon mildan. Kial mi ne ĉiam fidele ŝin amus ? Pli bona ne ekzistas ! Kio ajn iam regos mian animon, al mia amatino ĉiam iros miaj plej varmaj kantoj ! Milda amatino !

Brile mi supreniĝas en la reglandon de l'sonoj, kun spiritaltigaj revoj ! Kiom ajn envio mokas kaj provas insulti min, mi genufleksas antaŭ Arto ! Kio ajn iam regos mian animon, miaj kantoj sonos ĉiam vire, forte !

———

## Kanto el «Quinten Massijs»

Neniu arbara floro estas tiel bonodora, kiel vi, mia okulĝojo, mia gloro !

Er is geen morgendauw
Zoo schitterend als du zijs
En als dijn oogenblauw.

Er is geen morgenstond
Zoo rozig als du zijs,
Zoo rozig als dijn mond.

Er is geen riet noch rank
Zoo rijzig als du zijs,
Zoo zwierig en zoo slank.

Er is geen leliespruit
Zoo zuiver als du zijs,
Mijn overkuische bruid.

Er is geen engel Gods
Zoo eerlijk als du zijs,
Mijn godsdienst en mijn trots!

RAFAËL VERHULST.

Neniu matenroso tiel brilas, kiel vi kaj kiel via okulbluo.

Neniu matenruĝo estas rozkolora, kiel vi kaj kiel via buŝo.

Neniu branĉo, neniu branĉeto estas tiel ĉarma, kiel vi.

Neniu lilio estas tiel pura, kiel vi, mia superĉasta fianĉino.

Neniu anĝelo de Dio estas tiel belega, kiel vi, mia kulto kaj mia fiero!

## De Schelde

Door de Nederlanden,
Naar de wijde, diepe zee,
Stroomt de schoone Schelde.
Heil en leven brengt ze mêe.
Des juichen wij, o Schelde,
O machtige, prachtige vloed,
Wees gegroet!

Door de Nederlanden,
Waar de krijg heeft uitgewoed,
Stroomt de vrije Schelde,
Maar de vrijheid kostte bloed!
Toch juichen wij: o Schelde,
O machtige, prachtige vloed,
Wees gegroet!

Door de Nederlanden,
Vroolijk zingend eeuwen lang,
Stroomt de lieve Schelde,
Vrij van vreemden band en dwang!
Dan juicht ons kroost: o Schelde,
O machtige, prachtige vloed,
Wees gegroet!

THEODOOR SEVENS.

## La Skeldo

Tra la Nederlandoj, al la vasta profunda maro, fluas la bela Skeldo! Feliĉon kaj vivon ĝi alportas. Tial ni ĝoje krias: Ho Skeldo, ho forta, belega riverego, saluton al vi!

Tra la Nederlandoj, kie la militoj ĉesis, fluas la libera Skeldo. Sed la libereco kostis sangon! Tamen ni ĝoje krias: Ho Skeldo, ho forta, belega riverego, saluton al vi!

Tra la Nederlandoj, ĝoje kantetante dun centjaroj, fluas la milda Skeldo, libera de ĉiu fremda ligilo aŭ devigo! Tiam ĝoje kantos nia idaro: ho Skeldo, ho forta, belega riverego, saluton al vi!

## Lentelied

Over het klein gehucht
Zeeg 't eerste duister;
Lauw zweefde de avondlucht
Vol zacht gefluister.
't Vogeltje kweelde blij,
't Bloemeke geurde vrij,
't Was in de lente,
't Was in de Mei.

Hij was naar 't veld gegaan,
Zij kwam hem tegen;
Blozende bleef zij staan,
Maar beiden zwegen.
't Vogeltje kweelde blij, enz.

Hij nam haar handje teer
En drukte 't stille;
Zij gaf den druk hem weer
Als tegen wille.
't Vogeltje kweelde blij, enz.

De eerst zoen welde thans
Van uit hun boezem
Zacht als der sterren glans,
Zuiver als bloesem.
't Vogeltje kweelde vrij, enz.

GENTIL ANTHEUNIS.

## Printempa kanto

En la vilaĝeto vesperiĝis; la aero estis varmeta, plena de dolĉaj murmuretoj. La birdeto gaje kantis, la floreto libere odoris; estis printempo, estis Majo.

Li estis irinta al la kampo, ŝi renkontis lin; ruĝiĝante ŝi haltis, sed ambaŭ silentis. La birdeto, k. c.

Li dolĉe prenis ŝian maneton kaj delikate ĝin premis; ŝi redonis la manpremon al li, kvazaŭ kontraŭvole. La birdeto, k. c.

La unua kiso eliĝis nun el ilia koro, dolĉa kiel la brilo de l'steloj, pura kiel la floroj. La birdeto, k.c.

## Mijn Vlaandren heb ik hartlijk lief

Mijn Vlaanderen heb ik hartlijk lief,
Mijn Vlaandren bovenal!
Dat is 't refrein, het liefdelied,
Dat 'k nooit vergeten zal.

Des morgends, als de zonne lacht,
Dan zing ik blij, vol lust,
Zoo zalig als de brave man
Die vrouw en kindren kust.

Des avonds, wen, ik moe van zin,
Mijn stille ruststeê zoek,
Dan bid ik; «Vlaandren, Vlaandren lief,
Mijn Vlaandren, houd u kloek!»

Mijn Vlaandren heb ik hartlijk lief,
Mijn Vlaandren bovenal!
Dat is 't refrein, het liefdelied,
Dat 'k nooit vergeten zal.

THEOPHIEL COOPMAN.

## Mian Flandron mi tutkore amas

Mian Flandron mi tutkore amas, mian Flandron super ĉio! Jen la rekantaĵo, la amkanto, kiujn ni neniam forgesos.

Matene, kiam alridetas la suno, mi kantas gaje, ĝojplene, tiel feliĉe, kiel la bonulo, kiu kisas sian edzinon kaj siajn infanojn.

Vespere, kiam, laca, mi eniĝas en mian kvietan ripozejon, mi preĝas: «Flandro, amata Flandro, mia Flandro, restu forta!»

Mian Flandron mi tutkore amas, mian Flandron super ĉio! Jen la rekantaĵo, la amkanto, kiun mi neniam forgesos.

## Ons Vaderland

Waar de Maas en Schelde vloeien,
En de frissche weiden bloeien,
Waar nog eiken sterk en trotsch
Ruischen in het dichte bosch:
Daar is ons Vaderland,
Dit heilig pand,
Het schoone Vaderland.

Waar het kille grafgesteente
Dekt der Vaderen gebeente,
Waar ons moeder heeft gesust
En een gade ons eerbaar kust:
Daar is ons Vaderland,
Dit heilig pand,
Het dierbaar Vaderland.

In de vreugd en in de smarte
Ligt dat land ons aan het harte;
Moedig steunen wij de vaan,
Wen het geldt ons volksbestaan.
Hoog leve 't Vaderland,
Dat heilig pand,
Hoog leve 't Vlaamsche land!

THEODOOR SEVENS.

## Nia patrujo

Kie la Mozo kaj la Skeldo fluas kaj la freŝaj herbejoj floras, kie fortaj kaj fieraj kverkoj murmuretas en la densa arbaro: tie estas nia Patrujo, tiu sanktaĵo, la bela Patrujo.

Kie la malvarma ĉerko kovras la ostaron de l' prapatroj, kie nia patrino nin dorlotis kaj kie nia edzino ĉaste nin kisas: tie estas nia Patrujo, tiu sanktaĵo, la amata Patrujo.

En ĝojo kaj en malĝojo tiu lando al ni estas kara; kuraĝe ni defendos ĝian standardon, por konservi nian sendependecon. Ĉiam vivu la Patrujo, tiu sanktaĵo, ĉiam vivu la Flandra lando!

## Serenade uit « Milenka ».

Straal der zonne,
Hemelsche bronne,
Droomen vol genot, gedaald uit hooger sfeer,
Heerlijke droomen,
Lavende stroomen,
Stortend uw gloed in 't jublend harte neer,
Op uw wegen
Blinkt heil en zegen,
Liefelijke krans
Met bloemen zacht van glans.
O liefde,
Wat leed ons ook griefde,
Wordt, bij uw koestrende zon,
Heel de aarde
Een bloeiende aarde
Liefde, van 't leven de bron!
Schenk ons rozen,
Geurig aan 't blozen
Engel van het licht, en zie ons lachend aan,
Laat uwe stralen
Zachtekens dalen
In onze ziel, verlichtend onze baan:

## Serenado el « Milenka »

Sunradio, ĉiela fonto, ĝojplenaj revoj eliĝintaj el diaj ejoj, belegaj revoj, flamaj riveregoj, sur viaj riveregoj brilas feliĉo. Ho amo, vi forigas ĉian doloron, vi igas la tutan teron floranta ĝardeno dank'al via varmiga suno, amo, fonto de l'vivo! Donacu al ni ruĝajn, bonodorajn rozojn, estu al ni favora, sendu viajn radiojn en nian animon, lumigu nian animon kaj lumigu nian vojon: dum nia vivo ni ĉiam amu, ni ĉiam estu amataj!

Wil ons geven
Heilvolle leven.
Waar men eeuwig mint, en eeuwig
[wordt bemind !
O liefde,
Wat leed ons ook griefde,
Wordt bij uw streelende zon,
Heel de aarde
Een bloeiende gaarde :
Liefde, van 't leven de bron !

F. Elmer.

—

## Mijn Moederspraak

O moederspraak, mij lief als geen,
Diep roert me uw zoet geluid !
Waar'ook mijn hart als staal en steen,
Gij dreeft den trots eruit.

Gij buigt mijn stijven nek zoo licht,
Als moeder aan heur hart,
Uw vleien streelt me 't aangezicht,
En stil is alle smart.

Ik voel me nog een dartel kind ;
Geen booze wereld meer !
Gij koost mij als een voorjaarswind ;
Daar bloeit de vreugde weer !

Mijn oudje zegt me nog : komaan, —
En vouwt mijn hand —; uw beê !
En : «Onze Vader» vang ik aan,
Lijk ik wel vroeger dee !

Dat voel ik diep, dat wordt verstaan :
Zoo spreekt ons hartebloed ;
En hemelvrede waait mij aan,
En weer is alles goed.

Mijn moederspraak,zoo rein en recht,
Gij tolk van 't oude diet,
Als bloot een mond «mijn vader» zegt,
Dat klinkt me als englenlied.

Zoo heerlijk streelt me geen gezang,
Zoo kweelt geen nachtegaal,
En tranen vloeien langs mijn wang,
Gelijk de beek ten daal'.

Julius Sabbe.
Laŭ «plattdeutsch» poezio de
Klaus Groth.

—

## Mia gepatra lingvo

Mia gepatra lingvo, super ĉio amata, profunde min kortuŝas via milda sono ! Eĉ se mia koro estus ŝtala aŭ ŝtona, vi eligus la fieraĉon el ĝi !

Vi klinas mian rigidan kolon tiel facile, kiel iam mia patrino, dum ŝi min tenis ĉe sia koro ; via dolĉeco karesas mian vizaĝon, kaj for estas ĉia doloro.

Mi ree sentas min ludema infano; for estas la malbonaj homoj. Kvazaŭ printempa venteto vi reflorigas la ĝojon.

Mia avo ree diras al mi, kunmetante miajn manojn : «Preĝu ! » kaj «Patro nia» mi komencas, kiel antaŭe !

Tion mi sentas kaj komprenas facile ; tiel parolas nia korsango ; kaj ĉiela paco alventas al mi, kaj ree ĉio estas bona.

Mia gepatra lingvo, pura kaj humila, vi interpretanto de l'teŭtona raso, kiam nur iu buŝo diras «patro»,tio sonas kvazaŭ anĝelkanto.

Tiel milde karesas min nenia kanto, tiel kantas neniu najtingalo, kaj larmoj fluas sur mia vango, kiel la rivereto al la valo !

—

## Arteveldelied

Wie herbracht hier de rust op een
Van zijn hand ? [teeken
Wie verbond al de burgers als broe-
In een band ? [dren
't Was de held, 't was de held en de
[roem van ons land.
Hij herbracht hier de rust op een tee-
Van zijn hand. [ken

Wie stond recht als ons Vlaanderen
Lag aan band ? [verraden
Eu wie sloeg op hun beurt de tirannen
Neer in 't zand ?
't Was de held, 't was de held en de
[roem van ons land.
Hij stond recht als ons Vlaandren ver-
Lag aan band. [raden

Napoleon Destanberg.

—

## Kanto de Artevelde

Kiu rekvietigis nian Flandron per nura mansigno ? Kiu kunigis ĉiujn civitanojn, kiel fratojn, per unu ligilo ? Estis la heroo, la famulo de nia lando. Li rekvietigis nian Flandron per nura mansigno.

Kiu ekstaris, kiam nia Flandro, perfidita, estis en katenoj ? Kaj kiu renversis iliavice la tiranojn sur la sablon ? Estis la heroo, la famulo de nia lando. Li ekstaris, kiam nia Flandro, perfidita, estis en katenoj.

—

## De Vlaamsche Leeuw

Zij zullen hem niet temmen,
Den fieren Vlaamschen Leeuw,
Al dreigen zij zijn vrijheid
Met kluisters en geschreeuw.
Zij zullen hem niet temmen
Zoolang één Vlaming leeft,
Zoolang de Leeuw kan klauwen,
Zoolang hij tanden heeft.

De tijd verslindt de steden,
Geen tronen blijven staan,
De legerbenden sneven :
Een volk zal niet vergaan.
De vijand trekt te velde,
Omringd van doodsgevaar ;
Wij lachen met zijn woede :
De Vlaamsche Leeuw is daar !

Zij zullen hem niet temmen, enz.

Hippoliet Van Peene.

## La Flandra Leono

Ili ne submetos ĝin, la fieran Flandran Leonon, kvankam ili minacas ĝian liberecon per katenoj kaj krioj. Ili ne submetos ĝin, tiel longtempe kiam vivos unu Flandrano, tiel longtempe kiam la Leono kapablos ungoskrapi, tiel longtempe kiam ĝi havos dentojn.

La tempo disfrapas la urbojn ; neniu trono daŭre staradas, la armeoj pereas : popolo ne malaperos. La malamikoj proksimiĝas, ĉirkaŭataj de morta danĝero ; ni mokas ilian furion : jen estas la Flandra Leono !

Ili ne submetos ĝin, k. c.

Tradukaĉoj de Jan.

---

LOĜADO

—

**GRAVEGA INFORMO**

—

La kongresanoj, kiuj mendis sian loĝadon, estas insiste petataj preni sian rajtigilon (grizan karton). La flava poŝtkarto ne estas rajtigilo, sed estas nur simpla informilo pri la adreso.

La loĝada Komisio,
Frans SCHOOFS.

---

# Diversaj Informoj

**Oficialaj delegitoj de registaroj.** — Jen la listo de la landoj,kiuj ĝis nun sendis oficialajn delegitojn al la kongreso.

*Belgujo :* S-ro Goemans, ĝenerala inspektoro de la mezgrada instruado ;

*Usono :* S-roj Henri Mc Cain kaj Yemans, delegitoj de la milita ministrejo ; S-ro Edwin Reed, delegitoj de la ministrejo de Komerco ; S-ro Ernest Mc Kelvy, de la Oficejo de Pesiloj kaj Mezuriloj de labora ministrejo ; S-ro Rudy (Norda Karolino) ; S ro J. D. Hailman, (Pensilvanio) ;

*Ĥinujo :* S-ro Kouei-Ping-Young, sekretario de la ĥina legacio, en Bruselo ;

*Norvegujo :* S-ro Eimar Schribbye, licea profesoro ;

*Rusujo:* S-ro Aleksandro Nedoŝivin, ŝtata konsilanto;

*Guatemala:* S-ro Jules Marsily, konsulo ;

*Respubliko de San Salvador* ;

*Persujo* ;

*Ĉilo :* S-ro D-ro Estanislao Fraga.

La urbestraro de *Praha* sendis S-ron Karl Biskup, komunuman konsilanton, vicprezidanton de la Bohema Esperantista Asocio.

**Rabato.** — Dum la postkongresa ekskursö al Dinant, la kongresanoj havos la okazon viziti la grotojn de *Montfat* kaj la turon de *Montfort* (diversaj ĉambregoj, militistara galerio de la XIVa jarcento, valo de la Mozo). La enirprezo estas 2 frankoj ; kun rabato por la kongresanoj ĝi estas nur 1 fr. Oni mendu la rabatbiletojn en la vendejo, *antaŭ la 28a de aŭgusto.*

## Kongresa Programo

*Mardon, la 22an.* — Je la 9a matene, kunsido de la rajtigitaj delegitoj (Reĝa Ateneo). Je la 10 1/2a, privataj kunsidoj : juristoj , farmaciistoj, vegetaranoj, instituto de S-ro PRIVAT, ekzamenoj, Universala Ligo, instruistoj (Reĝa Ateneo). Je la 3a, kunsido de la Lingva Komitato (Reĝa Ateneo). Je la 4a, kunsido de l'internacia konsilantaro (Reĝa Ateneo). Je la 8a, unua prezentado de *Kaatje* (Flandra Operejo). Je la akcepto de la framasonoj, Meistraat, 25.

*Merkredon. la 23an.* — Je la 9a, kunsido de la rajtigitaj delegitoj (Reĝa Ateneo). Je la 10 1/2a, privataj kunsidoj (Reĝa Ateneo). Je la 3a, kunsido de la Lingva Komitato (Reĝa Ateneo) Je la 4a, kunsido de la Scienca Asocio (Reĝa Ateneo). Je la 8a, dua prezentado de *Kaatje*. Je la 9a, akcepto de l'kuracistoj kaj de l'farmaciistoj en la *Cercle Médical* kaj la *Société de Pharmacie* (Café Suisse, Verda Placo).

*Jaŭdon, la 24an.* — Je la 10a, ĝenerala labora kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je tagmezo, privata kunsido : Vagabonda Klubo (Taverne Royale, Verda Placo); poste festeneto de la V.K. Je la 3a, disdono de l' premioj de la Literaturaj Konkursoj kaj koncerto (Flandra Operejo). Je la 5a, privataj kunsidoj. Je la 8a, akcepto de l' germanaj kongresanoj en la *Deutscher Turnverein* (von Barystraat). Samtempe, parolado de S-ro GAUMONT pri la *Parolanta Kinematografilo* (Flandra Operejo).

*Vendredon, la 25an.* — Je la 9a, privataj kunsidoj. Je la 10a, instituto de S-ro PRIVAT, ekzamenoj. Je la 10 1/2a, privataj kunsidoj. Je la 2 1/2a, ekskurso sur la Skeldo. Je la 10a, balo (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Sabaton, la 27an.* — Je la 8a matene, kunveno antaŭ la Reĝa Ateneo, por viziti la havenon. Je la 10a, ferma kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je la 7a, festeno (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Dimanĉon, la 27an.* — Je la 9a, katolika diservo en la Ĉefpreĝejo. Je la 10 1/2a, diservo en la anglikana preĝejo (Grétrystraat). Je la 3 1/2 a kaj la 8a, koncerto en la Zoologia Ĝardeno.

### NOMARO DE LA GEKONGRESANOJ

(*Daŭrigo de la listo aperinta en la Kongreslibro*)

1227. F-ino Wegner, Martha, Kempelstr., Bromberg (Germ.)
1228. Dollez, Willem, ortopedisto, St Jansstr., 76, Antwerpen (Belg.)
1229. F-ino Bock, Katharina, Grünauerstr., 17, Berlin (German.)
1230. Hitzel, Louis, kompostisto, 36, rue de Frères Herbert, Levallois-Perret ap. Parizo (Franc.)
1231. F-ino Florent, Odile, instruistino, Sebourg (Nord-Franc.)
1232. F-ino Campbell, Alice Bond, komizino, 63, Bowden Road, Smethwick (Birmingh.-Angl.)
1233. F-ino Jones, Doris Edith, komizino, 37, Holliday Rd., Handsworth (Birmingh.-Angl.)
1234. Rackley, Joseph, poŝtoficisto, 6, Crawhey Road, Wood Green, London N, (Angl.
1235. F-ino Rackley, » » » »

(*Daŭrigota.*)

# KONGRESA GAZETO

de la

## SEPA INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO





(Antverpeno, 20-27 aŭgusto 1911)

| La gazeto aperas sesfoje : la 19an, la 21an, la 22an, la 23an, la 25an, 26an de aŭgusto. | N=ro 3. Mardon, la 22an de Aŭgusto 1911. | Unu ekzemplero estas senpaga por la kongresanoj ; pluaj ekzempleroj kostas po 10 centimoj. — La kolekto (ses numeroj) : 1 frankon. |
| --- | --- | --- |



NIA KARA MAJSTRO

### Parolo de D-ro L. L. Zamenhof ĉe la malfermo de la Sepa Kongreso Esperantista

Kiel tradicia malfermanto de la kongresoj esperantistaj, mi permesas al mi esprimi en la nomo de ĉiuj kongresanoj nian respektan kaj sinceran dankon al lia reĝa moŝto la reĝo Alberto por la granda honoro, kiun li faris al nia afero, prenante sur sin la protektantecon super nia kongreso. Mi esperas, ke mi esprimos la deziron de ĉiuj kongresanoj, se mi proponos, ke ni sendu telegrafe nian diversgentan saluton al la regnestro de la lando, kies gastoj ni estas, kaj nian dankon al nia alta protektanto. Mi esprimas ankaŭ en la nomo de la kongresanoj nian koran dankon al la urbestraro de Antverpeno, kiu afable donis al ni sian helpon kaj moralan apogon. Fine mi esprimas nian koran fratan dankon al tiuj niaj belgaj samideanoj, kiuj tiel laboreme kaj zorge pretigis nian grandan feston.

Mi uzas ankaŭ la okazon de nia festo, por revoki en vian memoron la nomon de unu viro, kiu havas grandegajn meritojn en nia afero. La prelato JOHANN MARTIN SCHLEYER, kies nomon ĉiu el vi konas tre bone, la aŭtoro de Volapük, antaŭ nelonge festis la okdekjaran datrevenon de sia naskiĝo, kaj estus nepardoninde, se ni ne uzus la okazon de nia nuna ĝenerala kuneestado por esprimi al li tiujn sentojn, kiujn ni ĉiuj havas por li. Li estas la vera patro de la tuta internacilingva movado. Antaŭ li oni ankaŭ revis pri lingvo internacia, oni provis labori por ĝi ; sed tio estis nur teoriaj skizoj, palaj senkorpaj fantomoj en la regiono de revoj. Li estis la unua, kiu diris al si : por lingvo internacia mi volas ne revi, sed *labori* ; dum ĉio ĉirkaŭe dormis, li estis la unua, kiu praktike kreis la internacilingvan *movadon*. Volapük ne estis venkita de Esperanto, kiel multaj personoj pensas tute erare ; ĝi pereis *per si mem* en tiu tempo, kiam la trankvile kaj senartifike laboranta Esperanto estis ankoraŭ tro malforta, por iun venki ; ĝi pereis ne pro sia stranga sonado aŭ pro aliaj similaj kaŭzoj, ĉar al ĉio oni povas alkutim-

iĝi, kaj kio hieraŭ ŝajnis sovaĝa, tio morgaŭ aperas kiel io tute natura kaj bela ; per longa kaj multespeca uzado eĉ la plej sovaĝa idiomo de la plej barbara gento iom post iom fariĝas riĉa, eleganta kaj oportuna lingvo.

Volapük pereis ĉefe pro *unu* grava eraro, kiun ĝi bedaŭrinde enhavis : *absoluta manko de natura evoluipovo* ; kun ĉiu nova vorto aŭ formo la lingvo devis konstante dependi de la decidoj de unu persono aŭ de facile inter si malpaconta personaro. Kiel sur bastono plantita en teron, novaj branĉoj kaj folioj ne povis nature kreski sur ĝi, sed devis esti konstante skulptataj kaj algluataj. Se ne ekzistus *tiu* eraro, kiun korekti oni bedaŭrinde ne povis, Volapük neniam pereus kaj ni ĉiuj nun verŝajne parolus volapüke. Sed tiu bedaŭrinda eraro, kiun kaŭzis ne manko de talento kaj de laboremeco, sed nur tro rapida publikigo de la lingvo, sen sufiĉe matura elprovado, — tiu eraro, kiu pereigis Volapükon, neniel malgrandigas la meritojn de ĝia aŭtoro, kiu la unua potence skuis la mondon por nia ideo ; la grandaj meritaj de Schleyer en la internacilingva historio neniam malaperos.

Mi proponas al vi, ke okaze de la festo de Schleyer ni telegrafe sendu al li en la nomo de la tuta esperantistaro nian koran gratulon, nian dankon por lia granda laboro kaj nian deziron, ke li vivu ankoraŭ longe kaj havu la konscion, ke la fruktoj de lia laboro neniam pereos.

Karaj amikoj ! Mi staras hodiaŭ antaŭ vi ne esperinte. Ĉar dum la lasta tempo la stato de mia sano estis tro malbona, mi decidis ne veturi al la kongreso en ĉi tiu jaro. Tamen en la lasta momento mi devis ŝanĝi mian decidon, ĉar mi rimarkis, ke la projekto, kiun mi prezentis por diskutado dum la sepa kongreso, ne de ĉiuj estas ĝuste komprenita kaj eble bezonos klarigojn de mia flanko. Tial ne miru, ke mi ne prepariĝis paroli antaŭ vi pri ia speciala temo, sed mi tuŝos nur per nemultaj vortoj tiun demandon, kies pridiskutadon dum la kongreso mi proponis al vi. Mi ne antaŭvenos vian decidon por aŭ kontraŭ la diskutota projekto, mi volas nur diri kelkajn ĝeneralajn vortojn, por instigi vin bone kaj senpartie prepariĝi por la venontaj diskutoj.

Ekzistas en nia afero demandoj, kiuj povas esti solvataj ne de iu aparta persono, ne de iu aparta nacia asocio, ne de iu aparta institucio, sed nur de la tuta esperantistaro ; ekzemple la demandoj pri nia Lingva Komitato, Konstanta Kongresa Komitato, k.t.p. Se iu volas fari simple konsilajn proponojn pri la interna agado de tiuj institucioj, li povas prezenti siajn proponojn al la estroj de la diritaj institucioj ; sed se oni faras plendojn, se oni postulas reorganizon, anstataŭigon aŭ eĉ forigon de tiuj institucioj, — tiam al kiu oni devas sin turni ? Aŭ se aperas iaj demandoj, kiuj koncernas la tutan esperantistaron, sed apartenas nek al la Lingva Komitato, nek al la Komitato de la Kongresoj, — tiam kiu havas la rajton ilin solvi ? En sia privata esperantista vivo ĉiu persono aŭ grupo aŭ asocio estas kompreneble tute liberaj kaj povas agi, kiel ili volas kaj povoscias ; sed pri ĉiuj demandoj, duboj aŭ entreprenoj, kiuj koncernas la *tutan* esperantan aferon, estas nepre necese, ke ni havu la eblon ĉiam scii la veran opinion aŭ deziron de la tuta esperantistaro. Esperanto ne estas ankoraŭ en tia feliĉa stato, ke ĉiu povu nur tiri el ĝi profiton, ne zorgante pri la bonstato de la afero mem : ni devas kaj dum longa tempo ankoraŭ devos propagandi ĝin, kreskigi ĝin, defendi ĝin kontraŭ malamikoj ; sed se ni ne havas la eblon regule interkonsiliĝadi, aŭ se niaj interkonsiliĝoj, farataj ne en orda parlamenta maniero, ne havos moralan valoron por la esperantistoj, ni similos organismon sen kapo kaj sen manoj, ni nenion povos entrepreni, ni staros senmove kaj malpacos inter ni mem.

Mi ne volas en la nuna momento defendi la projekton, pri kiu vi en la plej proksimaj tagoj diskutos ; tre povas esti, ke la projekto havas gravajn erarojn, kiujn via pridiskutado forigos ; tre povas esti, ke la tuta projekto montriĝos neakceptinda, kaj tiam — vi scias tion tre bone - mi ne penos altrudi ĝin al vi, kiel mi neniam ion al vi altrudis. Nur pri unu afero mi kore vin petas : kion ajn vi decidos, — ni ne fermu nian kongreson antaŭ ol ni en tia aŭ alia formo faros ian aranĝon, kiu donos al ni la eblon almenaŭ unu fojon en jaro solvi ĉiujn kolektiĝintajn disputojn aŭ dubojn en lojala interkonsento kaj konforme al la vera deziro de la tuta esperantistaro.

La aranĝo de regula kaj rajtigita kongresa voĉdonado, kiun mi proponis al vi, aŭ ia alia simila aranĝo, kiu eble rezultos el via diskutado, ne estos ia nova institucio kaj per si mem ne ŝanĝos la iradon de nia afero ; sed ĝi donos al ni la forton de ordo kaj de solidareco. La institucioj, kiujn ni kreis, aŭ eble ankoraŭ kreos, ĉesos havi la karakteron de ia privatajo, kiun neniu subtenas kaj multaj atakas. Ili havos rajton diri al la esperantistaro : se ni estas bonaj, respektu nin kaj subtenu nin ; se ni estas malbonaj, reorganizu nin aŭ forigu nin. Ĉiu esperantisto scios, al kiu plej alta instanco li devas sin turni, se tio aŭ alia en la komun-esperantistaj aferoj ne plaĉas al li, kaj oni ĉesos konstante sin turnadi al mi, kiu hodiaŭ vivas kaj morgaŭ povas ne vivi, kaj kiu cetere havas nek rajton nek deziron solvi ĉiujn disputojn propradecide.

Ni komencu nian feston kaj ankaŭ niajn laborojn, al kiuj ni dediĉu nian plenan atenton kaj senpartiecon. Se el niaj laboroj rezultos la enkonduko de preciza ordo en nian aferon, tiam la kongreso Antverpena estos unu el la plej gravaj inter niaj kongresoj. Tion ni esperu. Ĉiu el ni havu la firman decidon helpi per ĉiuj fortoj al la enkonduko de ordo kaj forigo de ĉiu malpaco en nia afero. Kun tiu firma kaj solena decido en la koro ni kriu : vivu, kresku kaj floru nia afero !

---

## Kongresa Programo

*Merkredon, la 23an.* — La programo de tiu tago estas afiŝita en la vestiblo de l'Reĝa Ateneo.

*Ĵaŭdon, la 24an.* — Je la 10a, ĝenerala labora kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je tagmezo, privata kunsido : Vagabonda Klubo (Taverne Royale, Verda Placo); poste festeneto de la V.K. Je la 3a, disdono de l' premioj de la Literaturaj Konkursoj kaj koncerto (Flandra Operejo). Je la 5a, privataj kunsidoj. Je la 8a, akcepto de l' germanaj kongresanoj en la *Deutscher Turnverein* (von Barystraat). Samtempe, parolado de S-ro GAUMONT pri la *Parolanta Kinematografilo* (Flandra Operejo).

*Vendredon, la 25an.* — Je la 9a, privataj kunsidoj. Je la 10a, instituto de S-ro PRIVAT, ekzamenoj. Je la 10 1/2a, privataj kunsidoj. Je la 2 1/2a, ekskurso sur la Skeldo. Je la 10a, balo (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Sabaton, la 27an.* — Je la 8a matene, kunveno antaŭ la Reĝa Ateneo, por viziti la havenon. Je la 10a, ferma kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je la 7a, festeno (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Dimanĉon, la 27an.* — Je la 9a, katolika diservo en la Ĉefpreĝejo. Je la 10 1/2a, diservo en la anglikana preĝejo (Grétrystraat). Je la 3 1/2 a kaj la 8a, koncerto en la Zoologia Ĝardeno. Je ne ankoraŭ difinita horo, manovroj de la Ruĝa Kruco.

**Hodiaŭ, mardon, la 22an de aŭgusto,**
**kaj morgaŭ, merkredon, la 23an,**

PREZENTADOJ DE

# KAATJE

Kvarakta versa teatrajo de PAUL SPAAK,
esperantigita de D-ro W. VAN DER BIEST,

ludota de geaktoroj de la Reĝa Nederlanda Teatro
de Antverpeno

(direktoroj, S-roj GUSTAAF DE LATTIN kaj FRANS VAN LAER)

GEINTERPRETONTOJ :

| | |
|---|---|
| Kaatje | S-inoj HÉLÈNE BERTRIJN. |
| La Patrino | MARIE VERSTRAETE. |
| Pomona | MAGDA JANSSENS. |
| Jan | S-roj JULES VERSTRAETE. |
| La Patro | KAREL VAN RIJN. |

Enscenejigo de S-ro ARIE VAN DEN HEUVEL, ĉefreĝisoro.

## Akcepto en la Urbestrarejo

La lastan sabaton, kelkajn minutojn antaŭ la tria, kunvenis en kaj antaŭ la Hotelo Terminus — kie loĝas nia majstro — granda popolamaso : D-ro ZAMENHOF, la anoj de la Organizaj Komitatoj, la Akademianoj kaj la registaraj delegitoj estis ja veturontaj al la Urbestrarejo, kie ilin akceptos lia urbestra Moŝto, S-ro JAN DE VOS. Entuziasmaj aplaudoj ĉie salutis la elpensinton de Esperanto kaj lian sekvantaron.

S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF prezentis la Majstron al la urbestro kaj la skabenoj ; S-ro DE VOS kore bonvendiris D-ron ZAMENHOF, kiu dankis en sia nomo de l'tuta esperantistaro. Jam la ŝampanvino ŝaumis en la glasoj ; la urbestraro donacis al sia eminenta invitito la pokalon, en kiu li (la urbestro) estis trinkinta, kaj prezentis al S-ino ZAMENHOF la simbolajn antverpenajn rozojn.

La akcepto en la Urbestrarejo estis korega ; la ĉeestintoj ĉiam kun plezuro memoros ĝin.

D-ro R. DE SAN MILLAN (Madrid).

## Koncerto de la Vagabonda Klubo

Kiam, dum la Kvina Kongreso, la policestro de Barcelono legis sur la programo : « Koncerto organizata de la *Vagabonda Klubo* », li eksaltis kaj vokis al si Pujula.

— Sinjoro, kio estas tio ! Vagabondoj ! Anarĥiistoj ! Bombĵetistoj, eble !... Mi ne povas permesi...

Kaj nia amiko malfacile klarigis al la severa suspektema reprezentanto de la Hispana Ordo, ke tiuj vagabondoj ĵetas eble kelkafoje florojn, sed ne bombojn.

Eble kelkaj kongresanoj — verŝajne tre malmultaj — ankaŭ sin demandos : « Kio estas la Vagabonda Klubo » ?

La nomo, la ideo, la fondo venas de Britujo.

Kiel bone klarigis la tre afabla prezidantino-fondintino de la klubo, kiam ŝi kolektis en 1906 la unuajn anojn de sia societo, la *Vagabondoj* estas la Artistoj. Okazas ja ofte, ke en bona burĝa familio, oni tre bedaŭras la artajn inklinojn de infano : filo, kiu volas fariĝi *artisto* — muzikisto, pentristo, skulptisto, beletristo, — estas konsiderata, kiel *perdita* infano, kiel malsanulo, eble eĉ kiel frenezulo.

Tiel la malfeliĉa estonta artisto, mallaŭdita de siaj parencoj, malhelpita de ĉiuj, vivas malfacilajn unuajn jarojn, luktas kontraŭ la mizero, kontraŭ ĉiuj materiaj bariloj, unuvorte fariĝas... Vagabondo.

En Britujo, la eksvagabondoj, la artistoj, tiel fondis klubon, kaj tiu fama Societo, kiu enhavas la plej glorajn el la plej eminentaj anglaj artistoj, estas grava centro de Arto kaj Belo. La eniro en la klubon estas tre malfacila, ĉar tie estas akceptitaj nur majstroj ; kaj per stranga, pitoreska antitezo okazas nun, ke la « Vagabonda » Londona klubo estas unu el la plej aristokrataj kluboj en tiu urbo.

La Esperantista Vagabondaro estas sama. En ĝi kolektiĝis niaj geartistoj ; kaj, de post la Cambridge'a Kongreso, fariĝis konstanta kutimo, ke la Vagabonda Klubo organizas ĉiujare, dum nia mondfesto, koncerton por konigi al ni niajn artamantajn samideanojn.

Muzikon, kantojn, deklamadon ni kun vera plezuro aŭdis hieraŭ vespere.

En la bela Flandra Operejo, kie de nun havos lokon ĉiuj gravaj manifestacioj de nia sukcespromesanta kongreso, multnombre amasiĝis la jam alvenintaj samideanoj.

Leviĝis la kurteno, kaj... anstataŭ fraŭlino, kiun ni atendis, aperis nia gaja kaj lerta samideano Mudie.

Kun sia vigla kaj tiel facile komprenebla parolmaniero, li rakontis al ni sian vojaĝon al Rusujo, kaj kiamaniere li esperantistigis tutan ŝipon, de la komandanto ĝis la plej humila pasaĝero, de la helicŝraŭbo ĝis la mastoj. Longaj aplaŭdoj lin salutis kaj dankis.

Jen nun aperas en la ĉarma bretona kostumo de la knabinoj de Pont-Avesnes, kun ruĝa jupo, krucitaj ŝelkoj kaj punta kufo, F-ino Barbin, kiu tre agrable ludas la *Valson en Es* de Chopin. Dum la dua parto ni reaŭdos ŝin ludantan *Rapsodion* du Liszt ; kaj serveme, dum la tuta koncerto, ŝi ofte plenumis la malfacilan taskon improvize, senprepare, akompani siajn kamaradojn. La merititajn aplaŭdojn ŝi ricevis, kaj ni ĉi tie ripetas.

Ni poste multon aŭdis.

Kantoj : *Patrolando*, de Tschirch, kies rekantajon la ĉeestantaro kunkantis, *Trankvila Nokt'*, de Fr. Abt, agrable kantitaj de S-ro W. Harvey ; peco el *Paillaci*, deklamkantita de S-ro Jones, delikata malnova skota ario *Anjo Laŭrio*, bone prezentita de F-ino Rosa Maude, la granda dueto el *Samson kaj Dalila* de Saint-Saëns, kuraĝe kantita de F-ino Rosa Maude kun S-ro Jones.

Nia famkonata samideanino F-ino Ŝefer deklamis serĉhumoran monologon, *Mia Idealulo*, kion ŝi mem verkis. De ŝi ni multon saĝan eksciis pri la signifo de la nazo kaj de la trombono por idealo.—Kaj por nia plezuro ŝi revenis anstataŭi Roksanon, al kiu mankis — grava malfeliĉo por fraŭlino — partnero por ŝia dialogo.

Tute apartan sukceson ricevis F-ino Annetta Schebsmann samtempe pro sia beleco, la gracieco de sia eleganta bohemhispana kostumo, kaj sia tre granda artisteco. Jen vera virtuoz-

ino, kiu scias, per sia violono, ĝojigi kaj plorigi, kortuŝi, mirigi, emocii. Veran ovacion al ŝi faris la entuziasmigita ĉeestantaro. Por fini, du samideanoj faris al ni agrablon surprizon. Bulgara amiko — kies nomon mi bedaŭrinde nescias — tre simple sed sprite rakontis ŝercan anekdoton — kaj germana samideano, novebakita vagabondo, ludis strangan sed tre *naturan* muzikilon. Per sia buŝo, blovante inter siajn taktfrapantajn manojn, li... plok, plok, plok... faris muzikon, kiu tre amuzis la publikon.

La programo finiĝis per anonco de «La Espero». La ĉeestantaro do atendis... nenio okazis. — Ĉu oni eble atendis, ke de Ménil venos? ĉu oni ĝin forgesis? mi nescias! ... kaj la ĉeestantaro atendadis. Fine, el loĝio eksonis la unuaj notoj de la kanto, kaj, kuntrenitaj, la Esperantistoj stare kantis sian himnon. GAJULO (Paris).

## La vesperfesto de la pasinta dimanĉo

Dimanĉon vespere, en la Flandra Operejo, oni prezentis tre interesan programon, konsistantan el drameto de NESTOR DE TIÈRE, *Devo de Reĝo*, kaj el komedio de EMANUEL VAN DRIESSCHE, *Por kvietaj Personoj*, ambaŭ esperantigitaj de AMATUS, kaj fine el la de longe atendita *Revuo de la Sepa*, de JAN, sub kiu nomo siu kaŝas iu energia homo, konata al ĉiu.

Antaŭ la komenco de la prezentado eniris la Majstro, kaj lin aplaŭde salutis la ĉeestantaro, kiu poste kune kantis *La Espero*.

En *Devo de Reĝo*, ĉefministro konsilas al la juna reĝo, ke li ekmilitu kontraŭ alia princo, kiu dum la vivo de la patro de l'reĝo almilitis provincon. Eksciinte tion, la reĝino pro amo al la lando kaj popolo, petegas, ke li ne malkovru la glavon kaj elverŝu sangon. Ŝajne nesukcesinte, ŝi eliras. La reĝo obstine opinias, ke estas lia devo reakiri la perditan provincon, kaj subskribas la jam pretigitan ultimaton. Poste eniras la reĝino, forte plorante, kaj ŝajnigas al sia edzo, ke ilia kara infano estas dispremigita sub la radoj de veturilo. La doloro de la reĝo estas terura. La reĝino profitas la okazon por elmontri, kiom pli terura estus la doloro de la suferantoj de lia projektita milito. Ŝi fine sukcesas, kaj li disŝiras la ultimaton, kiu estus trempinta du landojn en sangon.

La rolo de la reĝino estis ludita kun granda talento de S-ino LOLA CAREW, kaj S-ro ALFONS VAN DE VELDE bonege prezentis la reĝon. Kvarfoje la altŝatataj geaktoroj estis revokataj de la aplaŭdanta ĉeestantaro.

Ne estas necese priskribi plene la du aliajn prezentajojn, ĉar ili ambaŭ estas presitaj kaj devus esti ĉe ĉiu kongresano, kiel memoraĵo de la Antverpena kongreso.

En la komedieto *Por kvietaj personoj* la ĉeestantaro tre ĝuis la rolon trafe luditan de S-ro KARLO URBEZ (Patro Knap). Aliajn rolojn lerte plenumis F-ino EUGÉNIE COLIJN (Lenjo), S-ro OTTO JANN (Henriko), S-ro FERNAND DORÉ (Majstro Korus), F-ino A. ŜEFER (S-ino Korus), kaj S-ro .......... (komisario de polico)

Sed la okazintaĵo de la vespero estis la prezentado de *La Revuo de la Sepa* de JAN. Ludita de vera internacia geinterpretantaro, ĝi estis plena de spritaj kaj trafaj aludoj al la nuna stato de Esperanto kaj Esperantismo, kaj la aŭskultantaro, per sia ofta aplaŭdado, montris sian plenan aprobon de la sentoj esprimitaj de la genia aŭtoro. Multaj personoj demandis, kiu estas la aŭtoro? Mi ne intencas malkaŝi tion, sed kiam mi diros, ke la energia kaj bonhumora sekretario de la Sepo kondukis la orhestron mem, kaj ke ni ŝuldas ĉion al li, ĉu estas necese diri ion plu? Ĉiu legu la libreton! J. M. WARDEN. E. V. (Edinburgh).

Rimarko de JAN. — Genia (!) aŭtoro? Hm, hm!

## Koncerto de flandraj kantoj

Inter la plej valoraj trezoroj, kiujn posedas la nacioj, estas sendube la popolaj kantoj, kies plej belajn konservas la tradicio dum jarcentoj. Ilin kantas la patrinoj ĉe la lulilo de l'infanoj, ilin kantas la junaj knabinoj hejme ĉe la laboro kaj en societo de siaj amikinoj dum somervespero, promenante en la dolĉa aero de l'patrolando, aŭ vintre ĉe la forno.

Por ilin ekkoni, fremdulo bezonas longan restadon en la lando, intimajn ritatojn kun la popoloj, kaj kiuj pasigas nur unu semajnon en fremda lando tute ne havas okazon ilin aŭskulti. Estis do bonega ideo de *La Sepo por la Sepa* aŭdigi al ni venintaj por nur malmultaj tagoj kolekton de la plej ĉarmaj flandraj popolkantantoj, el la buŝo de famaj artistoj, do en plej eble granda perfekteco. Ni vere ŝuldas al ili ĉiuj koran dankon pro tiu ĝuo, speciale al S-ro D-ro W. VAN DER BIEST, kiu kunmetis la programon, harmoniigis mem diversajn kvartetojn, kaj lerte tradukis la tekstojn.

La koncerto estis tre zorge aranĝita, ĉar ĉiu speco estis reprezentata, la patriota speco ekz. per la *Kanto de l'Flandranoj*, la kanto pri *Artevelde*, la nacia heroo el la 14a jarcento, per *La Flandra Leono*, per *Kore mi amas mian Flandron landon*; la romantika speco per *Sinjoro Halewijn*; la religia per *Estis virgulineto*; la melankolia per *Vundita mi estas interne*, *Mia koro sopiregas*, *Adiaŭ frato mia*; la humorplena per *Vintre, kiam pluvas*; la petola speco per la ĉie konata *Bigotulineto* (kiom da ĉarmo havas la titolo: het kwezelken) k. a. kantoj, kiuj ĉarmis niajn orelojn, emociis niajn korojn kaj rapide almilitis niajn amikajn sentojn por la kara flandra popolo kaj ĝia belsona lingvo. Por mi Germano la tekstoj estis tuj kompreneblaj, eĉ sen la bonega traduko esperanten, kiun donas al ni la programo; inter nia germana kantaro ni ankaŭ posedas la kanton pri la *Du gereĝidoj*. La 25 numeroj de la programo, 12 kantoj el malnovaj tempoj, kaj 14 nuntempaj, kantitaj ĉu sole, ĉu duete ĉu kvartete, estas versaj perloj el la juvelaro de la flandra popolo.

F-inoj SEROEN kaj BUYENS, S-roj BOL kaj COLLIGNON estu kore dankataj pro la artplena kantado. La fortepianon ludis majstre akompanante S-ro DE VOS, orĥestestro de la Flandra Operejo.

Estas vere malfacile diri, kiu kanto pleje plaĉis al la aŭskultantaro; la esperantistoj ĉiulandaj multe aplaŭdis kaj montris sian entuziasmon.

Vi, Sinjoroj de la Sepo, ne tro promesis; nia koro facile komprenis la flandran animon kaj estas dankoplena por la neforgesebla koncerto. La famo disportos viajn flandrajn popolkantojn en la tutan mondon kaj en la internaciaj popolkantaroj, baldaŭ kolektotaj de la Esperantismo, la flandraj kantoj, bone esperantigitaj, havos ceste ne la lastan lokon.

L. ELB (Kötzschenbroda).

## Postkongresa Vojaĝo

La detala programo estas nun decidita :

*28an de aŭgusto :* El Antverpeno 7.27 h. En Charleroi 10.10 h.
*Vizito de Charleroi :* je la 10 1/2 h , akcepto en la sidejo de la Karloreĝa Grupo.
Je la 11a. Vizito de la lernejo por kripluloj.
» » 11 3/4a. Eniro en la Ekspozicion : Rabato de 50 %, se estas minimume 100 partoprenantoj ; de 25 % por min. 50 personoj.
Tagmanĝo laŭvole en la Ekspozicio.
Je la 14 1/2a. Akcepto en la Labora Universitato. Vizito de tiu Institucio.
Vizito de la Muzeo de Belartoj.
» de la Ekspozicio.
Je la 18a. Vizito de la Ĝardenoj kaj Allogaĝoj.
Vespermanĝo.
Je la 22 51a. Foriro al Namur. Loĝado.

*29an de aŭgusto :* El Namur 7.17 h. al la Grotoj de Han, mondfama vidindajo. Vizito de Dinant. Tagmanĝo tie. Vaporŝipe ĝis Namur.
Vizito de Namur kaj vespermanĝo.
Je la 18 1/2a. Forveturo al Lieĝo. Akcepto la tieaj samideanoj.Loĝado.

*30an de aŭgusto :* Matene, ekskurso al Spa. Je la 7.40a foriro el Lieĝo.
Vizito de Spa. Renkontiĝo kun la samideanoj el Verviers. Tagmanĝo.
Je la 14 42a. Reveno al Lieĝo.
» » 16a. Vizito de Lieĝo.
» » 19a. Komuna vespermanĝo. Loĝado.

*31an de aŭgusto :* El Lieĝo je la 7.43a.
Je la 11.43a. Alveno en Brugo.
Laŭvola tagmanĝo.
Ptgm. Ekskurso al Ostendo, belega banurbo.
Vespere. Koncerto.

*1an de septembro :* Matene, vizito de Brugo.
Je la 9a. Akcepto eu la Urbdomo.
» » 10a. Sonorilara koncerto.
» » 11 1/2a. Foriro al Gento.
Ptgm. Vizito de Gento.
Je la 21.46a. Foriro de Bruselo. Loĝado.

*2an de septembro :* Matene, vizito de la Urbo. Senpaga vizito de la Urbdomo.
Vespere, reveturo al Antverpeno.

**Grava avizo.** — La kongresanoj, kiuj intencas partopreni en tiu vojaĝo, estas insiste petataj sin enskribi TUJ en la Vendejo (Reĝa Ateneo) sciigante samtempe la mezan prezon kiun ili deziras elspezi : 1e por manĝoj ; 2e por loĝado. La lokaj komitatoj *neniel* povas prizorgi tiujn du punktojn, sen la petataj sciigoj.

---

## GRAVA SCIIGO

### *pri la esperanta polica afero*

S-ro TISON, policinspektoro, sekretario de la Polica Klubo Esperantista de Parizo, informas, ke speciala kunveno pri esperanta polica organizo okazos la venontan jaŭdon, je la 4a posttagmeze, en la Reĝa Ateneo.

Antverpenaj policistoj ĉeestos.

Krom policistoj, la estimataj samideanoj, kiuj konsentis reprezenti polican grupon aŭ izolajn samprofesiulojn, estas petataj ĉeesti akurate.

Ankaŭ iuj ajn nepolicistaj samideanoj, en kies urbo estas policesperantistoj, estas petataj ĉeesti, por raporti al ĉi tiuj pri la pripolica okazintajo kaj por fari servon al nia afero.

Oni bonvole tion ĉi diskonigu.

*Sin turni aŭ skribi al S-ro Tison, « Hôtel d'Angleterre », 12, Quai Van Dijck.*

---

## Diversaj Informoj

**Ekskurso sur la Skeldo.** — Vendredon posttagmeze okazos ekskurso sur la Skeldo, senpaga por la kongresanoj. Ĉiuj devos havi specialan karton, riceveblan en la Akceptejo. La disdono de tiuj kartoj estos farata merkredon kaj jaŭdon ; *poste ili ne plu estos haveblaj.* Tiuj, kiuj ne havos karton, ne rajtos partopreni la ekskurson.

**Festeno.** — Brilega estos la festeno, kiu kunigos la kongresanojn sabaton vespere, en la malvarmeta somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo. La partopreno kostas **5 frankojn** (kaj **ne 5 Sm.**, kiel oni presis erare en nia unua numero).

**Abonkartoj Zoologia Ĝardeno.** — Tiuj kartoj, valorantaj ĝis dimanĉo (inkluzive) estas haveblaj en la Akceptejo po 1 franko.

**Por grupoj, societoj, esperantistaj festoj.** — Mendu en la Vendejo (Reĝa Ateneo).

— la gajan monologon *La Turisto kun la Verda Stelo,* por la malgranda prezo de 40 centimoj ;

— la novan muzikon, kun akompano por fortepiano, de L'ESPERO, por nur 50 centimoj ;

— la *Gajan Kantaron*, kun 12 belegaj kantoj, por nur 25 centimoj.

**Liberpensuloj.** — Liberpensuloj, kiuj deziras interŝanĝi manpremon de frateco kun la Antverpenaj sampensuloj, estas invitataj ĉeesti la solenan akcepton, merkredon, la 23an en la « Antwerpsch Koffiehuis » (dekstra de la Reĝa Ateneo je la 8a vespere.

Oratoroj : S-roj ALB TYCK, Antverpeno :
CARLO BOURLET, Parizo ;
R. DESHAYS, Sens (Francujo.) ;
D. UYTTERDIJK, Holando ;

Frateca kunmanĝo de la liberpensuloj, vendredon,la 25an, je la 12 3/4a en la Hotelo « la Couronne », Pelikaanstraat, 22. Kartoj po 2 fr. aĉeteblaj en tiu hotelo (antaŭ jaŭdo) kaj dum la solena kunsido de la 23a en la « Antwerpsch Koffiehuis ».

**Rabato.** — Okaze de la Sepa Internacia Esperantista Kongreso, la « Belge Cinéma » estas feliĉa konsenti al la kongresanoj rabaton de 1/3 sur la ordinaraj prezoj de la sidlokoj en la teatro De Keyserlei, 30.

**T. E. K. A.** — Lundon, je la 10 1/2a matene, kunveno la T. E. K. A. — anoj sub la prezidanteco de S-ro Prof. DOR, por decidi pri la sekvanta unua oficiala kunsido. *Ĝi okazos merkredon, je la 11a akurate, en la ĉambro 4* (faka kunsidoj, dekstre en la Ateneo). Ĉar la kunsido estos tre grava, ĉiuj kuracistoj, T. E. K. A. — anoj aŭ ne, bonvolos ĉeesti ĝin.

## Komunikaĵo

La kunsido de la Publikoficistoj, kiu, laŭ la kongresa programo,devis okazi lundon la 21an, matene, okazos nur merkredon, la 23an, je la 2a posttagmeze, en la Reĝa Ateneo (ĉambro 6, unua etaĝo).

Oni estas insiste petata ĝin partopreni.

---

## NOMARO DE LA GEKONGRESANOJ

*(Daŭrigo de la listo aperinta en la Kongreslibro)*

1236. F-ino Tordoff, Lizzie, 38, Croft Terrace, Horton, Bradford (Angl.
1237. F-ino Hirst, Alice, Victoria Rd, 160 Lockwood, Huddersfield (Yorksh.-Angl.)
1238. F-ino Smith, Annie, Beutley St., 29, » »
1239. F-ino Beaumont, Lily, Forest Terrace, 113, Almonsbury Bank, Hudderssfield (Yorksh.-Angl.)
1240. Wildig, William Henry, instruisto, Ash Tree Rd., Pelsall (Walsall.- »
1241. Jessop, Frank, leĝisto, 4, Mount Villas, Mansfield »
1242. Banks, G. H., fervoja konduktoro. 60, Perehlre Rd., Stirchley, Birmingham »
1243. Nelles, Ferdinand, ministo, Ayeneux, poŝto Fleuron (Liège Belg,)
1244. Simons, D. J., helpa polickomisario. Lange Elzenstr., 10, Antwerpen (Belg.)
1245. S-ino Habermehl-Sevenhuijsen, Kinderhuissingel, 30, Haarlem (Hol.)
1246. F-ino Blom, Johanna Jacoba, instruistino, Raamvest, 21, Haarlem (Hol.)
1247. Poncet, Louis, studento de medicino, 17, rue St François d'Assise, Lyon (Franc.)
1248. Brienne, Fernand, bankoficisto, rue de Paris, 29, Taverny (Seine-Oise- »
1249. S-ino Lannelongue, 24, rue du Cherche-Midi, Paris »
1250. Butler, J. L., instruisto, Douglas House, Cheltenham (Angl.)
1251. F-ino Garbutt, Edith E., Alexander Rd, Acocks Green, Birmingham (Angl.)
1252. Garbutt,William Henry,ĵurnalisto, Princes Chambers Corporation St. Birmingham, (Angl.)
1253. F-ino Dowal, N. Mc., 170, Derchom Rd, Norwich (Angl.)
1254. Winkelmann, Sergius, artpentristo, Gewandstr., 3, Dresden (Germ.)
1255. S-ino Winkelmann, » » »
1256. F-ino Winkelmann, » » »
1257. F-ino Bishop, Henriette, sekretariino, 5, Alexandra Street, Cambridge (Angl.)
1258. Egli, Edwin Oscar, komercisto, 4, Splugenstr., Zürich II (Svis.)
1259. Tillet, keramisto, Impasse Fonteney, Limoges (Franc.)
1260. Günther, Jan, kolonelo, Wlodzimiarska, 8, Warszawa (Pol.)
1261. F-ino Morawetz, Ella, redaktorino de « La Marto », Burgring, 12, Graz (Stirio-Aŭstrio)
1262. Delavignette, Oscar, inĝeniero, Merbes-le-Château (Hainaut-Belg.)
1263. Fouquet, Jozef, havenleŭtenanto, Schaapstr., 26, Gent »
1264. Otto, Guido, instruisto, Haydnstr., 2, Plauen i. V. (Germ,)
1265. F-ino Küster, Magarete, Halberstädterstr., 129 B, Magdebnrg »
1266. Schubert, Hermann, Alter Markt, 17, » »
1267. Sorgler, Alfred, posedanto de presejo, Moldenstr., 19, » »
1268. Göring, Paul, kompostestro, Salzwedelstr., 4, » »
1269. Hoen, H. J. redaktoro, Schrotestrasse, 68, » »
1270. F-ino Servrankx, Renée, 30, Kortrijkschesteenweg, Gent (Belg.)
1271. Baehr, Hans, komercisto, Tobiashammer, Ohrdruf (Germ.)
1272. Blott, Arthur, solicitoro, Korosko, Crowstone Rd., Hoath, Westcliff-on-Sea (Angl.)
1273. Legrand, Léon, bankoficisto, 67, Route d'Alençon, Le Mans (Sarthe-Franc.)
1274. Autin, Amédée, farmaciisto, Rue de la Mariette, » » »
1275. Colas, Claudius, publicisto, rue d'Angoulême, 20, Paris » »
1276. Clarke, Edwin L., instruisto, Canon City (Usono)
1277. Oblin, Louis, oficisto, Avenue de Villiers, 52, La Varenne-St Hilaire (Franc.)
1278. Vanderrielle, Rachel, profesoro de stenografio, 56 rue du Petit Bois, Parc St Maur (Franc.)
1279. Priestman, Graham, lernanto, Welbury Drive, Bradford (Angl.)
1280. Middlehurst, N F.,70,Slog Lane Lowton, Newton-le-Willows (Angl.)
1281. So Middlehurst, » » » » » »
1282. F-ino Webster, Annie, 35, Church Street,Southport (Lancash.-Angl.)
1283. O'Connor, Patrick, 8, Lowe Street, Golborne » »
1284. F-ino Haupt, Marie, Königstr., 57, Altona (Germ.)
1285. Krajĉik,M., inĝeniero,doktoro de matematikaj kaj fizikaj sciencoj, Minsk (Rus.)
1286. F-ino Morgan, Hannah, instruistino, Holly Bank, Grange, Estate, Stockton-on-Sees (Durham-Angl.)
1287. D-ro Ledermann,Richard,gimnazia profesoro, Singerstr., 8, Augsburg (Germ.)
1288. F-ino Ceulemans, Sarah, 24, Albert Grisarstraat, Antwerpen (Belg.)
1289. F-ino D'Hoossche, Marie Louise, Twaalf Kamersstr., 1, Gent »
1290. Blazek, Josef, impostadministranto, Bahnhofstr., 14, Teplitz-Schönau (Bohem.)
1291. F-ino Fischer,Bertha, librotenistino, Dammstr.,427, Turn-Teplitz (Bohem.-Aŭstr.)
1292. D-ro Freisinger, Isidor, urbkuracisto,Schlossbergst rasse Turn-Teplitz (Bohem.-Aŭstr.)
1293. Kunze, Rudolf,librotenisto, Schlossbergstr., » » »
1294. Loth, Emiljano, (el Varsovio), Culmansstr., 10 Zürich (Svis.)
1295. F-ino Wicart, Maria, 77, rue du Fontenoy, Roubaix (Franc.)
1296. Mc. Pherson, Charles, stenografiisto, 60, Devonshire Rd., Cambridge (Angl.)
1297. Van de Velde, Jan, Oranjeboomstraat, 222a, Rotterdam (Hol.)
1298. Zamenhof, Adam, kandidato de medicino, 14, Avenue Sulliemin, Lausanne(Svis.)
1299. F-ino Zamenhof, Sofio, studentino de medicino 11, Solitude, Lausanne »
1300. F-ino Leach, Mary Julia, Amherst (Mass.-Usono)
1301. Vivian, Richard, E., 8, Stirling Street, Hull. Angl.)
1302. F-ino Vivian, 8, Stirling Street, » »
1303. Candy, William Henry, komizo, 136, Lynton Rd., Bermondsey, London (Angl.)
1304. Serbin, Vjaĉeslav, advokato, Borzikovskaja, 10, Ekaterinoda (Kubanska Oblast-Rus.)
1305. Zepler, Elias, komercisto, Goethestr., 42/44 Breslau (Germ.)
1306. Freund, Siegmund, komercisto, Moritzstr., 50, » »
1307. Mahn, Georg, komercisto, Albrechtstr. 43, » »
1308. Selcraig, Robert,ĉe Cameron, ĵurnalisto, Bellevue Crescent, 17, Edinburgh (Skot.)
1309. Weisz, Simon, Montensstraat, 124, Borgerhout (Belg.)
1310. Libera Penso, internacia societo esperantista de liberpensuloj, Antwerpsch Koffiehuis, Van Straelenstr.,6, Antwerpen (Belg.)
1311. Grimmit,Vincent, komerca vojaĝisto, 209, High Str., Lewisham, S. E. London (Angl.)
1312. Blackham,Karlo P.,oficisto de la High Court of Justice, Garville Avenue, 14, Ratgar, Dublin (Irl.)
1313. F-ino Clarke, G., 37, Unthang Rd., Norwich (Angl.)
1314. Sultzberger, Max, rentulo, 13, Chatsworth Rd., Croydon (Surrey-Angl)
1315. Hahn, Walter, instruisto, Zwickauerstr., Chemnitz-Schönau (Germ.)
1316. Cestre, Louis, eksprofesoro, rue Faidherbe, 10, Auxerre (Yonne-Franc.)
1317. Brachet, Paul, fabrikanto, 44, rue de Sèze, Lyon (Franc.)
1518. S-ino Neyrand, rue de Hamma, 11, Alger (Alĝerio)
1319. Spinner, René, inĝeniero, Avenue de la Boule d'Or, 2, Romilly sur-Seine (Franc)
1320. S-ino Spinner,Avenue de la Boule d'Or, 2, » » » »
1321. S-ino Tricolet, Impasse des Tanneries, 3, Bordeaux(Gironde »
1322. F-ino Tricolet. » » » » »
1323. Sabadell,Alfonso, agento de la New York Life,I. C. Diputation, 280, Barcelona (Katal.)
1323. S-ino Sabadell, Diputacion, 280, » »
1325. F ino Sabadell, Dolores, Diputacion, 280, » »
1326. Artaud, Jean, oficisto de la malrektaj impostoj, 2, rue Villeneuve, Alfortville (Seine-Franc.)
1327. Deschamps,Henri, advokato, Pont-Audemer (Franc.)
1328. Giraudet, Claude,instruisto, St Voir par Neuilly-le-Réal (Franc.)
1329. S-ino Giraudet, instruistino, » » » » »
1330. Novotny, Jan, laboristo, Skuhrov, Zelezny Brod (Bohem.)
1331. Rondelez, Romain Arthur, direktoro de ŝpinejo, Avenue Bayard, Armentières (Nord-Franc.)
1332. Jacob, Eric, studento,Ecole Centrale, Houplines » »
1333. F-ino Jacob, Marie Jos., protesorino, « » » » »
1334. Dégardin, Ignace, instruisto, rue du Collège, Armentières (Franc.)
1335. S-ino Dégardin, instruistino, » » » »
1336. Alvarez Vazquez, Isaŭro, komerca oficisto, Ivy Lea 13, Carlyle Rd, Edgbaston, Birmingham (Angl.)
1337. Duviard, Ferdinand, studento,55, rue de Vaugirard, Paris (Franc.)

1338. Blakey, Harry, komizo, 51, Royal Park Terrace, Leeds(Yorksh.-Angl.)
1339. S-ino Blakey, » » » » » » »
1340. F-ino Ardeon, Maude, lernejestrino, 51, Royal Park Terrace, Leeds (Yorksh.-Angl.)
1341. F-ino Giles, Margaret, A., Knowle Rd., 2, Burley Leeds » »
1342. F-ino Briggs, Louise, muzikinstruistino, 146, Town Street, Armley, Leeds (Yorksh.-Angl.)
1343. F-ino Körner, Frida, Fürstenstr., 84, Plauen i. V. (Germ.)
1344. Naudan, Auguste, 6, Savigny-lez-Beaune (Côte-d'Or-Franc.)
1345. Königsberger, Max, komercisto, Solgerstr., 41, Nürnberg (Germ.)
1346. Hulme, Alfred J., artpentristo, 10, Delamere Rd, Wimbledon, London (Angl.)
1347. S-ino Macary, rue Bormaud, 26, Lyon (Franc.)
1348. Chardenot, Léon, kontrolisto de pesiloj kaj mezuriloj, rue du Botz, Laval (Mayenne-Franc.)
1349. Luce, Richard, kuracisto, 22, Friar Gate, Derby (Angl.)
1350. Caris, Jozefo, oficisto, St. Jansstraat, Borgerhout (Belg.)
1351. F-ino Wallis, Mary, instruistino, 52, Leigham Court Rd, Streatham, London (Angl.)
1352. Houbart, Emile, direktoro de « La Movado», 31, Boulevard St Marcel, Paris (Franc.)
1373. S-ino Blatt, Korosko, Crowstone Rd. North, Wetclift-on-Sea (Angl.)
1354. Monnot, Louis, oficisto, 36, rue Paul Cavaret, Rosny sous-Bois (Seine-France.)
1355. S-ino Monnot, instruistino, 36, rue Paul Cavaret Rosny-sous-Bois (Seine-Franc.)
1356. D-ro Comoy, kuracisto, Luché-Pringé (Sarthe- »
1357. F-ino Nouet, J., instruistino, » » » »
1358. Richard, Paul, veterinario, rue St.Jean, 20, Saumur (Maine-Loire »
1359. Abato Chevalier, rue Riveray, 34, Levallois-Paris (Franc.)
1360. Blaise, Auguste, rue des Artistes, 8, Laeken-Bruxelles (Belg.)
1361. S-ino Blaise, rue des Artistes, 8, » » »
1362. Pitman, William, kolonelo, 115, Coleherne Court, London (Angl.)
1363. Simpson, Thomas, fabrikisto de fortepianoj, 20, Church Rd, London (Angl.)
1364. S-ino Simpson, 20, Church Rd, » »
1365. D-ro Besser, Max, kuracisto, Süderstr., 157 I, Hamburg (Germ.)
1366. Millien, François, buĉisto. Avenue de Villiers, 111, Paris (Franc.)
1367. F-ino Moine, P., instruistino, Poisson (Saône-Loire »

(*Daŭrigota.*)

# KONGRESA GAZETO

de la

## SEPA INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO





(Antverpeno, 20-27 aŭgusto 1911)

| La gazeto aperas sesfoje : la 19an, la 21an, la 22an, la 23an, la 25an, kaj la 26an de aŭgusto. | N=ro 4. Merkredon, la 23an de Aŭgusto 1911. | Unu ekzemplero estas senpaga por la kongresanoj ; pluaj ekzempleroj kostas po 10 centimoj. — La kolekto (ses numeroj) : 1 frankon. |
|---|---|---|

## GRAVA AVIZO

**La kunveno de la Scienca Asocio en la Operejo okazos ĴAŬDON vespere je la DUONO POST LA 7a !**

### Hodiaŭ, merkredon, la 23an,

DUA PREZENTADO DE

# KAATJE

Kvarakta versa teatrajo de PAUL SPAAK,
esperantigita de D-ro W. VAN DER BIEST,

ludota de geaktoroj de la Reĝa Nederlanda Teatro de Antverpeno
(direktoroj, S-roj GUSTAAF DE LATTIN kaj FRANS VAN LAER)

GEINTERPRETONTOJ :

| | |
|---|---|
| Kaatje | S-inoj HÉLÈNE BERTRIJN. |
| La Patrino | MARIE VERSTRAETE. |
| Pomona | MAGDA JANSSENS. |
| Jan | S-roj JULES VERSTRAETE. |
| La Patro | KAREL VAN RIJN. |

Enscenejigo de S-ro ARIE VAN DEN HEUVEL, ĉefreĝisoro.

### Morgaŭ, Ĵaŭdon, je la 3a posttagmeze

EN LA

## FLANDRA OPEREJO

***Disdono de l'premioj de la***
***= Literaturaj Konkursoj =***

# PAROLO kaj KONCERTO

## PROGRAMO

1. *Rondo capriccioso*, por fortepiano. F. MENDELSSOHN. S-ro A. D. GRIEVE, el Montrose, Skotlando (blindulo).
2. *La Zamenhofa lingvo*, kanto . . L. LAURITZEN. F-ino A. MELCHIOR, el Kopenhago (blindulino).
3. *La esperanta literaturo*, parolo. S-ro E. PRIVAT, el Ĝenevo.
4. *Dum tuta la etern'*, kanto . . . A. MASCHERONI. S-ro J. S. BRAND, el Dundee, Skotlando (blindulo).
5. *Ŝi ne legoŝ ĝin*, monologo . . D-ro W. VAN DER BIEST. F-ino I. VERMEULEN, el Antverpeno.
6. *Mi ekdormadas en trankvil'*, kanto. BISHOP. S-ro C. R. MACKAY, el Montrose, Skotlando (blindulo).
7. *Simson kaj Delila*, el la Biblio . Traduko de S-ino ELB. S-ino ELB, el Dresdeno.
8. *Raporto pri la literaturaj konkursoj*. S-ro D-ro W. VAN DER BIEST.

DISDONO DE LA PREMIOJ.

# MALFERMA KUNSIDO

(Laŭ la Antverpena ĵurnalo HET HANDELSBLAD)

La solena malferma kunsido okazis je la 3a, la pasintan lundon, en la festhalo de la Zoologia Ĝardeno, kiu malsupre kaj sur la supraj galerioj estis superplena; estis proksimume 1500 personoj tie; neniu kongreso en Antverpeno atingis tian nombron da membroj.

Sur la estrado sidis D-ro ZAMENHOF, ĉirkaŭita de S-roj DE VOS, urbestro de Antverpeno; VAN DER BIEST-ANDELHOF, prezidanto de la Organiza Komitato, D-ro YEMANS, vicprezidanto de la 6a kongreso en Washington, kapitano PEROGORDO, generalo SEBERT, farmaciisto VAN SCHOOR, D-ro WILLEM VAN DER BIEST, S-ro RITSCHIE, F-ino POSENAER, S-ro SCHOOFS kaj L-to DUPONT de la Organiza Komitato.

S-ro D-ro YEMANS malfermas la kunsidon, dirante:

Gesinjoroj,

Kiel vicprezidanto de la sesa kongreso, mi deklaras, ke la Sepa Universala Kongreso de Esperanto estas malfermita.

La Konstanta Komitato de la kongresoj proponas al vi la jenan estraron por la Sepa Universala Kongreso:

Prezidanto: S-ro Van der Biest-Andelhof;
Vicprezidanto: S-roj Oscar Van Schoor, Laurent Delvaux;
Sekretarioj: S-roj Gabriel Chavet, D-ro Willem Van der Biest.

Ĉiuj personoj, kiuj aprobas tiujn elektojn, bonvolu levi la manojn. *(Ĉiuj ĉeestantoj voĉdonas favore.)*

La estraro estas aprobita.

Mi transdonas la prezidan lokon al la Prezidanto, S-ro Van der Biest-Andelhof.

S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF diras esperantlingve la la jenan malferman parolon.

Gesinjoroj,

Vi faras al mi grandan honoron, konfidante al mi la prezidantecon de la 7a kongreso de Esperanto.

Mi akceptas ĝin volonte kaj danke, kaj mi esprimas al vi ĉiuj sinceran bonvenon en Antverpeno, kaj mian grandan ĝojon pro via grandara alveno.

Neniu el niaj antaŭaj kongresoj renkontis tiom da simpatio kaj estis tiel varme rekomendata. La ĉiulanda esperantista gazetistaro, senescepte, faris por ĝin sukcesigi la plej kuraĝigan propagandon. Ankaŭ pro tio mi sincere dankas, kaj mi plezure konstatas, ke la celo estas atingita. Estas al mi tre agrable sciigi, ke la nombro de la aliĝintoj atingas nune 1712.

Gesinjoroj, la ĝenerala programo de la kongreso montras al vi, ke, siaflanke, la Organiza Komitato faris ĉion eblan por faciligi kaj agrabligi vian restadon en Antverpeno, kaj nenion preterlasis, por ke la 7a kongreso estu inda je la ses antaŭaj.

Nun via unua kunsido komenciĝos. Ekokupante la prezidantecon de ĝi, mi esprimas la deziron, ke viaj debatoj estu indaj je la alta celo, al kiu ni nin dediĉas, kaj ke viaj diskutadoj estu efikaj kaj fruktodonaj por nia komuna entrepreno.

La 7a kongreso donu al nia movado fortan antaŭenpuŝadon; ĝi konvinku la skeptikulojn kaj konfuzu niajn kontraŭulojn; — ĝi donu al ni novan kuraĝon, novan fidon; — ĝi plifortigu inter ni la ligilojn de bona samideaneco, de perfekta amikeco.

Mi esperas, Altestimataj Gesinjoroj, ke miaj vortoj trovos eĥon en viaj koroj, kaj kun la esprimo de tiu espero, mi rediras al vi tutkoran dankon kaj afablan bonvenon.

S-ro DE VOS, urbestro, parolas flandralingve kaj deklaras sin feliĉa, ĉar li havas la okazon ne nur doni la moralan subtenon de sia ofico al la kongreso sed ankaŭ alporti la esprimon de sia admiro al la tuta esperantista movado.

La oratoro konstatas la utilon de mondlingvo kaj diras ke ĉe ĉiu, kiu amas sian propran lingvon, la unua sento, ĉe la naskiĝo kaj la propagando de internacia lingvo, estas sento de timo. Sed tiu timo foriĝis, ĉar nun ni komprenas, ke Esperanto ne estas celo, sed perilo: ĉiu konservas sian lingvon por esprimi siajn ideojn, sed oni uzas la mondlingvon, kiam oni volas sin turni al alilingvanoj. Esperanto estas do perilo por kunfratiĝo inter la popoloj, kaj la parolanto diras, ke li ĝojas, ĉar li povas gratuli tiujn, kiuj laboras por atingi tiun belan idealon.

La parolo de S-ro DE VOS, tradukita Esperanten de S-ro RITSCHIE, estis ege aplaŭdata; poste D-ro ZAMENHOF stariĝis; lin salutis aklamado tia, kian certe malofte iu ajn aŭdis; ĝi ne estis plu nura entuziasmo: ĝi estis fajro kaj flamo.

(La parolo de D-ro ZAMENHOF aperis en la 3a numero de la *Kongresa Gazeto.*)

Poste havis la parolvicon la delegitoj de ĉiuj landoj kaj ĉiuj lingvoj, certe kvindeko, kiuj ĉiuj diris pli; malpli mallongan parolon, kaj inter kiuj la reprezentanto de la hispana registaro, kiu pendigis ĉe la kolon de D-ro ZAMENHOF la krucon de komandoro de Izabelo la Katolika, rikoltis ne malplej malmulte da sukceso.

Sama sukceso estis por S-ro HERMANS, helpa polickomisario, kiu parolis en la nomo de la 40 antverpenaj esperantistaj policanoj.

La kunsido estis fine fermata, dum la ĉeestantaro entuziasme kantis la esperantistan himnon.

# Unua prezentado de "Kaatje„

Sendube ĉiuj kongresanoj posedas jam la tradukitan **Kaatje** kaj legis ĝin. Certe la libro estas interesa, agrabla, kortuŝa, sed tamen oni povis, pro la multaj malfacilaĵoj de prezentado de esperantlingva teatraĵo, dubi pri la sukceso. Nu, la sukceso estis grandega, kaj la samideanoj ofte rememoros tiun belan vesperon; realveninte en la malproksima, amata hejmo, ili pensos al la ĉarma, juna Holandanino, kiun la doloro plibeligis, kaj kiu sciis suferi tiel pacience, tiel inde.

La ĉambrego de l'bela Flandra Operejo havis brilan aspekton. Pli ol ordinara esperantista entuziasmo regis, kaj tio jam sufiĉe diras... Ankaŭ la geinterpretantoj meritis ĉiujn laŭdojn; ilia laboro rajtigis la favoran akcepton faritan de la impresitaj kongresanoj. Post ĉiu akto, oni devis resuprenigi la kurtenon tri aŭ kvarfoje; post la tria akto, S-ro VAN DER BIEST-ANDELHOF aperis sur la scenejo, kaj elokvente dankis, en la nomo de la ĉeestantaro, la geaktorojn, S-inojn H. BERTRIJN, M. VERSTRAETE kaj M. JANSSENS, kaj S-rojn J. VERSTRAETE kaj K. VAN RIJN, kaj — *last not least* — la reĝisoron S-ron A. VAN DEN HEUVEL.

La publiko vokis ankaŭ sur la scenejon S-ron D-ron W. VAN DER BIEST, la lertan tradukinton.

Estis belega artvespero!

R. UNTERMAN (Antverpeno).

## Kongresa Programo

*Ĵaŭdon, la 24an.* — Je la 10a, ĝenerala labora kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je tagmezo, privata kunsido : Vagabonda Klubo (Taverne Royale, Verda Placo); poste festeneto de la V.K. Je la 3a, disdono de l' premioj de la Literaturaj Konkursoj kaj koncerto (Flandra Operejo). Je la 5a, privataj kunsidoj. Je la 7 1/2a, kunsido de la Scienca Asocio, alirebla por ĉuj kongresanoj, kaj parolo de S-ro GAUMONT pri la *Parolanta Kinematografilo*(Flandra Operejo). Je la ...a, akcepto de l' germanaj kongresanoj en la *Deutscher Turnverein* (von Barystraat).

*Vendredon, la 25an.* — Je la 9a, privataj kunsidoj. Je la 10a, instituto de S-ro PRIVAT, ekzamenoj. Je la 10 1/2a, privataj kunsidoj. Je la 2 1/2a, ekskurso sur la Skeldo. Je la 10a, balo (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Sabaton, la 27an.* — Je la 8a matene, kunveno antaŭ la Reĝa Ateneo, por viziti la havenon. Je la 10a, ferma kunsido de la kongreso (festhalo de la Zoologia Ĝardeno). Je la 7a, festeno (somerfesthalo de la Reĝa Harmonia Societo).

*Dimanĉon, la 27an.* — Je la 9a, katolika diservo en la Ĉefpreĝejo. Je la 10 1/2a, diservo en la anglikana preĝejo (Grétrystraat). Je la 3 1/2 a kaj la 8a, koncertoj en la Zoologia Ĝardeno. Je ne ankoraŭ difinita horo, manovroj de la Ruĝa Kruco.

## Diversaj Informoj

**La Kongresa Gazeto** ne aperos morgaŭ (jaŭdon, la 24an). La 5a numero estos disdonata vendredon, dum la balo.

**Fakaj kunsidoj.** — Ĉiujn komunikojn pri fakaj kunsidoj oni bonvole donu al D-ro VAN DER BIEST dum la vesperaj festoj.

**Liberpensuloj.** — Frateca kunmanĝo de la liberpensuloj, vendredon, la 25an, je la 12 3/4a, en la hotelo « la Couronne », Pelikaanstraat, 22. Kartoj po 2 fr. aĉeteblaj en tiu hotelo.

**Rabato.** — Okaze de la Sepa Internacia Esperantista Kongreso, la « Belge Cinéma » estas feliĉa konsenti al la kongresanoj rabaton de 1/3 sur la ordinaraj prezoj de la sidlokoj en la teatro De Keyserlei, 30. Prikongresaj filmoj.

**Abonkartoj Zoologia Ĝardeno.** — Tiuj kartoj, valorantaj ĝis dimanĉo (inkluzive) estas haveblaj en la Akceptejo po 1 franko.

# KONGRESA GAZETO

de la

## SEPA INTERNACIA KONGRESO DE ESPERANTO




(Antverpeno, 20-27 aŭgusto 1911)

| | | |
|---|---|---|
| La gazeto aperas sesfoje : la 19an, la 21an, la 22an, la 23an, la 25an, kaj la 26an de aŭgusto. | N-ro 5. Vendredon, la 25an de Aŭgusto 1911. | Unu ekzemplero estas senpaga por la kongresanoj ; pluaj ekzempleroj kostas po 10 centimoj. — La kolekto (ses numeroj) : 1 frankon. |


## Gratulon kaj dankon !

Jus finiĝis, meze de nepriskribebla entuziasmo, la dua — ve ! la lasta — prezentado de *Kaatje*.

La geaktoroj, kiuj kondukis al la venko la belan teatrajon de SPAAK, plene meritas, ke mi, la tradukinto de la verko, sendu al ili mian sinceran gratulon kaj la esprimon de mia kora danko.

Gratulon kaj dankon al vi, S-ino BERTRIJN, kiu estis vere la amanta kaj aminda Kaatje, kaj kiu dolĉe emociis ne nur Jan, sed ĉiujn ĉeestantojn !

Gratulon kaj dankon al vi, S-ro JULES VERSTRAETE, kiu en la bela rolo de Jan havis la okazon por montri, kion vi kapablas, kaj al kiu oni certe de nun ne plu rifuzos rolojn indajn je via talento !

Duoblan gratulon kaj dankon al vi, S-ino MARIE VERSTRAETE, kiun feliĉigis ne nur via propra sukceso, sed ankaŭ kaj precipe la aklamoj, kiuj salutis vian tutkore amatan filon !

Vin mi ankaŭ sincere gratulas kaj dankas, S-ro VAN RIJN, kies grandan aŭtoritaton kaj altan talenton ĉiuj admiris !

Kaj vi, S-ino MAGDA JANSSENS, kiu nur ludis en unu akto, sed kiu en tiu akto grandsukcese interpretis la malfacilan rolon de Pomona, vi ankaŭ certe ravis la publikon!

Ĉu mi estus kapabla forgesi vin, en la jena bulteno pri enko, mia altŝatata malnova amiko VAN DEN HEUVEL, al kiu ni ŝuldas la majstran enscenejigon ne nur de *Kaatje*, sed ankaŭ de *La Revuo de la Sepa*, de *Por kvietaj Personoj*, de *Devo de Reĝo*, unuvorte de ĉio, kaj kiu afable konsentis, kune kun via kamarado S-ro JULES VERSTRAETE, ludi rolon en *La Revuo* ?

Akceptu do ĉiuj, vi, geinterpretintoj de *Kaatje*, vi ankaŭ, S-roj direktoroj DE LATTIN kaj VAN LAER, la esprimon de miaj plej koraj sentoj. Kaj.... *ĝis la revido, dum la dek-kvina !*

D-ro W. VAN DER BIEST.

## La akceptejo kaj la ekspozicio de la «Sepa»

Tiel diversnacian societon, kiel en tiu ĉi semajno, la serioza konstruaĵo de la Reĝa Ateneo ĝis nun certe ne vidis. En ĝi estas instruataj diversaj alinaciaj lingvoj, sed venigi al ĝi reprezentantojn el granda nombro da landoj, tio estas la merito de la *Sepo*, kiu invitis nian 7an Internacian Kongreson al Antverpeno, kaj kiu aranĝis en la Ateneo, kun afabla permeso de la registaro, la akceptejon de tiu ĉi kongreso. Kaj vere, estis bonega ideo aranĝi la akceptejon en la Ateneo. Ĉio estas oportune lokita, kaj en la multaj ĉambroj de la domo estas sufiĉe da loko por specialaj kunvenoj, tiel ke la kongresanoj, kiuj volas viziti unu post la alian el ili, ne bezonas fari longan vojon. Sed precipe la granda korto de la konstruaĵo kaj la galerioj de la teretaĝo estas bonegaj babilejoj, kie renkontiĝas la gesamideanoj kaj ĝoje salutas sin. Ho, kiel multaj alvenis ! La oficistoj en la sekretariejo kaj loĝadejo preskaŭ ne povis plenumi ĉiujn taskojn kaj postulojn. Sed la esperantistoj estas « kvietaj personoj », kiuj trankvile atendas je la plenumo de iliaj kongres-kaj loĝejaferoj ; eĉ se ili devas stari du horojn antaŭ la fermitaj pordoj de la oficejoj(1), ĉar la estroj pro la oficiala akcepto de nia Majstro estas malhelpataj ! Jes, la estroj! Mi forte kompatas ilin, speciale la nelacigeblan sekretarion-kasiston S-ron D-ron VAN DER BIEST, kiu vere faris grandegan laboron por nia kongreso, kaj al kiu la kongresanoj ŝuldas multan dankon, kiun mi persone jen esprimas.

Kaj nun al la ekspozicio, kiu troviĝas en la sufiĉe granda gimnastika halo de la Ateneo. Malkaŝe mi devas diri, ke ĝi ne tute atingas miajn supozojn. Ĝi ne estas sufiĉe riĉhava rilate al la ekzistanta kaj disponebla materialo kaj rilate al la gravezo de internacia kongreso. Sed mi ne volas riproĉi al la estro de la ekspozicio. Certe li havis la plej bonajn intencojn kaj mu'te klopodis pri

(1) Ĉu efektive tio okazis ? Ne kredeble ! — REDAKCIO.

la kompletigo de la elmontrajoj, sed ne nicevis la necesan materialon de la eldonistoj. Ankaŭ la esperantistaj grupoj ŝajnas al mi kulpaj pri tio, ke preskaŭ neniu el ili sendis materialon, kvankam multaj el ili certe posedas elmontrindajn ajojn. Laŭ mia vido nur la grupoj de Boulogne s. M. kaj Krefeld sendis materialon. La unua montrigas memorajojn de la Unua Internacia Kongreso, dum la alia speciale donis aferojn, kiuj koncernas la esperantan fakon en la ĵus okazinta artmetia ekspozicio de Krefeld.

Krom la nekompleteco, la ekspozicio havas tre bonan aspekton. Ĉe la enirejo salutas nin la busto de lia Reĝa Moŝto Alberto kaj tiu de nia Majstro, ĉirkaŭitaj per belaj ornamajoj el flagoj kaj laŭroj. Je ambaŭ flankoj de la halo kaj en la mezo staras longaj tabloj, sur kiuj la ekspoziciajoj estas elmetitaj: diversspecaj libroj, prospektoj, gazetoj, fotografajoj k.t.p. Sufiĉe grandan lokon okupas la eldonajoj de U. E. A., kies lerta kaj parolema vendanto rekomendas al ni siajn objektojn; inter ili la svisaj horloĝoj speciale estu citataj. – Plue interesas nin la vendejo de S-ino FARGES, el Liono, en kies elmontrajoj ni kun granda plezuro rigardas la kolekton da poŝtkartoj kun karikaturoj de kelkaj el niaj eminentuloj. — Proksime troviĝas la vendejo de la Esperanto-Propaganda Instituto, el Leipzigo, kiu speciale montras al ni esperantajn stelojn ĉiuspecajn. — Interesega estas la sekvanta ekspozicio de kolorigitaj porcelanajoj, ekz. teleroj, vazoj, diversaj ujoj, k.t.p.; inter la aĉeteblaj ajoj troviĝas vere artaj objektoj; la laranĝinto, S-ro TILLET, el Limoges, meritas gratulon.— S-ro CUZON el Paris, prezentas al ni antaŭ ĉio esperantajn flagojn diversgrandajn kaj flagetojn de preskaŭ ĉiu nacio, reprezentata en la kongreso. — Tute rimarkinda kaj tre kompleta estas la fako de l'famkonata firmo HACHETTE kaj K-io, el Parizo. — Kaj fine, jetante lastan rigardon tra la halo, ni rimarkas sur muro la konatajn Demostraciajn Tabelojn de D-ro MÖBUSZ, kiujn Esperanto-Verlag MÖLLER & BOREL, el Berlino, disponigis.

Kiel dirite, entute la ekspozicio faras bonan impreson. Certe ĝi kun granda intereso estas rigardata de la kongresanoj kaj de ne esperantistaj Antverpenanoj. Al la unuaj ĝi rememorigas la bonan staton de nia afero, kaj al la aliaj ĝi estas instigilo por la lernado de nia lingvo. Mi forte esperas, ke ĝi precipe la lastan taskon multfoje plenumos.

F. ELLERSIEK (Berlino).

# Literaturaj Konkursoj

Ĉi sube ni presigas la raporton pri la Literaturaj Konkursoj, raporton, kiun verkis S-ro D-ro **Van der Biest** kaj kiun S-ro **Schoofs** legis hieraŭ, okaze de la disdono de l'premioj.

Karaj kunkongresanoj,

Kiam vi legis en la programo de la jena festo, ke mi havos la honoron prezenti al vi ĝeneralan raporton pri la literaturaj konkursoj, organizitaj okaze de la *Sepa*, vi sendube pensis: « Kio! jen tute ne konata, tute ne sperta, tute ne kompetenta samideano prijuĝos tekstojn, inter kiuj kelkaj estas verkitaj de eminentaj esperantistoj! »

Ĉi tiun riproĉon mi meritus, ĉi tiun riproĉon miaj gekolegoj de la *Sepo* meritus, se ili ne estus sin turnintaj antaŭe al mondfamaj esperantistoj — S-ro profesoro CART, D-ro MYBS —, kiuj bedaŭrinde rifuzis. Fine, ĉar la tempo mankis, la honorplena, sed malfacila tasko estis konfidata al mi.

Multaj el vi jam legis en la bonega ĵurnalo de U. E. A. artikolon, verkitan pri niaj literaturaj konkursoj de unu el niaj plej kleraj kaj sindonaj kunbatalantoj. S-ro HODLER estis mem juĝanto de unu el la konkursoj, kaj li konstatis, ke la prezentitaj verkoj ĝenerale ne havas grandan valoron. Li diris, ke la konkursoj estas tro multnombraj kaj la premioj tro malaltaj: oni havu nur du konkursojn, unu por prozajoj kaj unu por versoj, kaj aljuĝu altajn premiojn; tiam bonaj aŭtoroj partoprenos en ili kaj la rezultoj estos brilaj.

Certe, principe li estas prava. Sed praktike, kio okazis? Ni faris alvokon al ĉiuj esperantistoj, al societoj, al gazetoj kaj eldonistoj, por ke ili donacu premiojn kaj difinu temojn. Multaj malavaraj samideanoj favore akceptis nian peton; ni estus sendankemuloj, se ni plendus pri tio. Laŭ mia persona opinio, konkursoj ne ekzistas por konigi personojn jam konatajn aŭ por kuraĝigi samideanojn, kiuj tute ne bezonas kuraĝigon. Cetere, kelkaj famaj esperantistoj partoprenis en niaj konkursoj: ZAKRZEWSKI, FIŜER, DEVJATNIN, BICKNELL, SCHRÖDER, VOGLER, PUJULA kaj aliaj faris al ni tiun honoron, kaj mi estas feliĉa, sendante al ili la esprimon de nia danko; sed mi samtempe tutkore gratulas la antaŭe ne konatajn esperantistojn, kiuj en niaj konkursoj trovis la okazon, doni pruvojn de sia talento.

Mi ankaŭ volonte esprimas la ŝuldatan dankon al la afablaj donacintoj de premioj: SOCIETO ESPERANTISTA KAŬKAZA (Tiflis), SOCIETO ESPERANTO (Dresden), ANTVERPENA GRUPO ESPERANTISTA (Antwerpen); LA VERDA STELO (Antwerpen), FERVORO (Antwerpen), LIBERA PENSO (internacia); la ĈEKBANKO ESPERANTISTA (London); STELA-CONCERT (Paris), la TUTMONDA ESPERANTO ANONCEKSPEDO (Charlottenburg); la gazetoj LA REVUO, JUNECO, LA MOVADO, GERMANA ESPERANTISTO, LA KRONIKO, BELGA ESPERANTISTO; S-ino YEMANS, F-inoj HAMAND (Schaller) kaj MOREAU (Bruxelles), S-roj D-ro RUIZ PRIETO (Sevilla), NIX (Eastbourne) kaj YEMANS (Detroit). Donacis ankaŭ premiojn LA SEPO POR LA SEPA, S-roj SCHOOFS kaj VAN SCHOOR.

Kore mi ankaŭ dankas, en la nomo de la loka organiza komitato, la gesamideanojn, kiuj bonvole prenis sur sin la malfacilan taskon prijuĝi la valoron de la alsenditaj verkoj. Krom geanoj de la *Sepo* ili estas: S-inoj BLAISE, HANKEL kaj JUNCK; F-ino BOON; S-roj ANDRÉ, ARCHDEACON, AYMONIER, BERNAERT, BOURLET, BRUIJN, CART, CHAMPY, CHAVET, CHRISTALLER, CNOSSEN, DELVAUX, DURIEUX, ELB, ELLERSIEK, FINET, VON FRENCKELL, JAKEŜ, DE LENGYEL, LUNDGREN, MATHIEUX, DE MÉNIL, MILLIDGE, NIX, PARKER, PAROTTE, PICHON, DE SAUSSURE, SCHUMACHER, STEIER, VAN DE STADT, WARNIER kaj WICHERT.

Mi nun rapide priparolos la rezultojn de ĉiu konkurso.

En la konkursoj 7, 9, 22 kaj 24 neniu partoprenis. Por n-ro 15 unu persono sendis manuskripton, kiu ne akiris premion — ĉar oni devas havi almenaŭ la 2/3 de la poentoj por havi unuan premion —.

La laŭreatoj de la 1a konkurso — *Historio de Esperanto* — estas S-roj ZAKRZEWSKI, el Warszawa (unua premio), kaj D-ro FIŜER, el Tiflis (dua premio). Iliaj verkoj distingiĝas per kompleteco kaj precizeco; la stilo — tio tute ne mirigos vin! — estas tre flua kaj vere esperanta.

Oni kunmetis la manuskriptojn de la konkursoj 2 kaj 21, kies temo estas la sama — *Novelo* —. La gepremiitoj estas F-ino FLOURENS, el Béziers, kaj S-ro BEAU, el Lyon.

La premion de la 3a konkurso — *Esperanto kaj komerco*

— akiris S-ro SOMMER, el Chemnitz ; lia manuskripto, kiu enhavas bonajn argumentojn, estas tute senerara.

S-ro BROEKHUIZEN, el Hago, kiu verkis tre interesan artikolon pri *Esperanto kaj la laboristoj* (4a konkurso), precize pruvas, ke la laboristoj bezonas Esperanton ; dezirinde estas, ke multaj laboristaj gazetoj publikigu tiun bone pripensitan tekston.

La premion de la 5a konkurso — *La malnova flandra pentrista skolo* — akiris ne flandrano, sed S-ro DUFEUTREL el Alger, kiu verkis artikolon kompletan, interesan kaj bonstilan.

Malpli brilaj estas la rezultoj de la 6a konkurso — *Deviga instruado de Esperanto* —. La juĝintoj decidis ne aljuĝi unuan premion ; duan premion (80 fr.) akiris S-ro BAFF, el Washington, kaj trian (20 fr.) S-ro CAMESCASSE, el Paris. (¹)

Interesa artikolo pri la *Batalo por akiro de la lingvaj rajtoj* ĉe la bohemoj havigis la premion de la 8a konkurso al la sindona kunlaboranto de la *Sepo*, S-ro **Jakeŝ**, el Ĉ. Budejovice.

*Soneto* (10a konkurso) ne estas facila formo de versaĵo ; tamen inter la senditaj tekstoj kelkaj estis tre bonaj. La premion akiris rava verketo de la bonega poeto BICKNELL, el Bordighera.

En la 11a konkurso, kies temo estis *Originala studo pri historio, literaturo kaj arto*, distingiĝis S-roj STAHL, el Mahrenberg (1a premio), denove S-ro DUFEUTREL, el Alger (2a premio), kaj S-ro PUJULA, el Barcelona (honora mencio).

La temo de la 12a konkurso — *Kvarversaĵo* — ege plaĉis al niaj versfarantaj samideanoj ; 42 « poetoj » partoprenis en ĝi. Bedaŭrinde kelkaj kvarversaĵoj enhavas pli ol kvar versoj (!) ; kelkaj estas senritmaj kaj senrimaj ; fine kelkaj enhavas gramatikajn erarojn. Estas por mi granda ĝojo gratuli kiel laŭreaton S-ron VAN DE VELDE, el Boom, la talentplenan esperantistan aktoron, kiun ni jam aplaŭdis la lastan dimanĉon, en *Devo de Reĝo* kaj *La Revuo de la Sepa*.

Nia eminenta samideano VOGLER, el Hamburg, akiris la premion en la 13a konkurso — *Ĉekoj kaj transpagiloj* —. Lia tute bonstila verko estas kompleta kaj praktikebla.

La plej bonan tekston en la 14a konkurso — *Verko de persono malpli ol 20 jara* — liveris S-ro HUNGER, el Frankenberg ; laŭ stilo kaj ideoj, lia poemo *Tri patrinoj* estas tute laŭdinda.

Por la 17a konkurso — *Esperanto kaj aviadistoj* — la unua premio ne estas aljuĝita. Duan premion (65 fr.) akiris S-ro SOMMER, el Chemnitz, kaj trian (35 fr.) S-ro VAŜATKO, el Praha.

S-ro BAYLIS, el West-Hartlepool, akiris la premion de la 18a konkurso. Lia *Kanzono* estas poezia, simpla kaj facile kantebla.

Du famuloj estas la laŭreatoj de la 19a konkurso — *Popolaj moroj, Popolaj legendoj* — : S-roj DEVJATNIN, el Kovno, kaj SCHRÖDER, el Wien. Ambaŭ, kiel ĉiam, distingiĝas per bona, flua stilo.

F-ino FLOURENS, kiun mi jam havis la ĝojon nomi kaj kiu estas la sola laŭreatino de la konkursoj, kaj S-ro MOMBER, el Oberdollendorf, akiris respektive la unuan kaj duan premion de la 20a konkurso — *Laŭfundamenta verketo* —, en kiu la difino de l' premiotaj tekstoj estis tre malfacila, ĉar la plimulto el la senditaj verkoj estis tre laŭdindaj.

(¹) La rezultoj de kelkaj konkursoj ne estas ankoraŭ konataj.

Finante ĉi tiun raporton, mi esprimas la deziron, ke en venontaj konkursoj la malavareco de l' donacantoj, la bonvolo de l' juĝantoj kaj la lerteco de l' verkantoj ĉiam sin montru kiel ĉe la nunaj literaturaj turniroj, pro kies bonegaj rezultoj mi ree tutkore dankas ĉiujn, kiuj kunhelpis por ilin sukcesigi.

## Interesa Okazintaĵo

Lundon matene, post la elekto de nacia reprezentanto, la skotaj kongresanoj donacis al S-ro JOHN M. WARDEN, vicdelegito de U. E. A. en la Edinburga distrikto, oran verdstelon, pro la servoj, kiujn la faris rilate al la kongreso. S-ro WARDEN zorgis pri ĉiuj aranĝoj por la pli ol cent geskotoj, kiuj ĉeestas la kongreson. En Skotlando U. E. A. estas vigla vivplena organizaĵo, kiu estas tre utila al la Esperantistaro.

A. WILSON (Edinburgh).

*La Sepo por la Sepa* ankaŭ tutkore dankas kaj gratulas la simpatiindan prezidanton de la Vagabonda Klubo.

## Kunsido de T. E. K. A.

La anoj de la Tutmonda Esperantista Kuracista Asocio kunvenis merkredon, matene je la 11a, sub la prezido de S-ro H. DOR (Lyon).

Ili parolis pri la reorganizo de sia ĉiumonata gazeto, kaj pridiskutis novan projekton de regularo.

S-ro D-ro ROTHSCHUH (Frankfurt a.M.) legis tre interesan raporton pri *606 kaj ĝiaj efikoj*.

Dum la proksima kunveno, S-ro PONCET, medicina studento (Lyon), parolos pri la laboroj kaj eltrovoj de l'jus mortinta fama franca scienculo ARLOING, profesoro ĉe la Medicina Fakultato en Lyon.

La Sekretario,
L. PONCET.

## POSTKONGRESA VOJAĜO

*Grava Avizo*

La partoprenontoj devas zorgi por abonilo kvintaga (valoran de la 28an ĝis la 1a de zeptembro inkluz.). Tiu karto estas havebla en la stacidomo, dimanĉon post la 6a vespere aŭ lundon matene almenaŭ 3/4 da horo antaŭ la foriro.

Fotografaĵo (proks. 4×6 cm.) estas necesa. La samideanoj, kiuj ne posedas unu, *tuj* farigu ĝin. — Adreso rekomendinda: Verbeeck, Place Verte.

La foriro el Antverpeno okazos lundon je la **7.12** matene (anstataŭ 7.27a, kiel estis erare presite).

## Rekomendinda libro

EN DANĜERO, originale versa dramo. — (Havebla en la Vendejo (Reĝa Ateneo), Fr. 2.50. —

Ĵus aperis teatraĵo de juna antverpena verkisto, S-ro R. UNTERMAN.

Pro la interesa subjekto, la klara, flua kaj agrabla stilo, la bela ritmo de la versoj, tiu verko, plena de nobla emocio kaj de altaj pensoj, estos plezure kaj ĝue legata de ĉiu vera esperantisto. La karakteroj, ĉu noblaj, ĉu abomenaj, estas tre zorge pentritaj kaj se ni aldonas ke la agado estas en alta Rusa medio, mi kredas ke oni havos sufiĉan ideon pri la nova verko.

Ni tre varme rekomendas ĝin al ĉiuj gesamideanoj.

## Akcepto de la kuracistoj kaj farmaciistoj

Merkredon, la 23an de aŭgusto, je la 9a vespere, la antverpenaj kuracistoj kaj farmaciistoj faris tutkoran kaj belegan akcepton al siaj diverslandaj kolegoj venintaj al la esperantista kongreso. Ilia afabla invito kunvenigis en la salonojn de l'*Cercle Médical* sesdekon da samideanaj amikoj, el kiuj kelkaj venis kun sia edzino, kaj tiel la kunestantaro fariĝis kvazaŭ unu granda rondo familia.

Tuj de la komenco, D-ro D'HAENENS, prezidanto de la antverpena kuracista asocio, diras bonvenon al D-ro ZAMENHOF, kiu sidas ĉe lia dekstro, kaj al ĉiuj kuracistoj kaj farmaciistoj, el kiuj konsistas la ĉeestantaro. Li parolas pri nia idealo, nia celo, kaj nia komuna deziro al la sukceso de Esperanto.

Nia Majstro respondas esprimante en la nomo de ĉiuj dankon por tiel simpatia akcepto ; li memorigas, ke nia idealo estas la bono al la homaro, kaj ke, ĉar la homaj suferoj estas egalaj ĉie, mi devas konsideri kiel gefratojn ĉiujn, kiuj suferas kaj bezonas nian helpon.

D-ro DOR, prezidanto de la Medicina Asocio, siavice dankas en la nomo de ĉiuj.

Tiam komenciĝis, post kanto de « L'Espero », serio da ĉarmaj distrajoj, el kiuj ni povas citi nur la ĉefajn : verajoj originale verkitaj kaj diritaj de D-ro BROECKAERT, tiu ŝatinda animo de la festo kaj tre lerta profesoro de Esperanto al la Antwerpenaj kaj Berchemaj geflegistoj. Poste, ni aŭdis la agrablajn monologojn, spritajn ŝercorakontojn, melodiajn kantojn de diversaj samideanoj : S-ro VAN SCHOOR, la sindona kaj nalacigebla vicprezidanto de la Kongreso, D-ro VAN AUBEL, S-ro GASTON BARAT nin sinsekve ĉarmis, laŭbezone akompanaj sur la fortepiano, kiun ludis S-roj D-roj VAN DER BIEST kaj VAN DE BRIEL.

Tute agrable kaj rapide pasis tiu vespero de dolĉa kaj kortrafanta kunfratiĝo, [kaj laŭ la sento de niaj koroj, tre frue venis la momento, kiam D-ro D'HAENENS fermis la kunsidon per simpla diro, kiu resumas nian komunan ideon : Vivu Esperanto kaj vivu la Esperantistoj !

Sed tio ne povis tiel finiĝi. S-ro D'HAEZEN ,honora prezidanto de la antverpenaj farmaciistoj, kun vera majstreco kaj nobla ĝentileco rimarkigas, ke en la ĝis nun faritaj tostoj, oni forgesis la plej belan parton de la kunvenintaro, t. e. la Esperantista virino, kaj malplenigas sian glason en honoro.

S-ro DOR siavice trinkas je la sano kaj sukceso de niaj kunbatalantinoj.

Fraŭlino ALICE VAN PELT, aminda kaj fervora esperantistino, respondas kaj dankas en la nomo de siaj samideaninoj.

La lasta vorto apartenas al nia juna kamarado S-ro BARAT, studento de medecino, nia espero por la estonteco; li estas la tradukanto de ĉies sentoj per la fina deziresprimo : Vivu Antverpeno, Vivu la Antverpenanoj! »

D-ro NOËL, Paris.

---

# SOCIETO RUĜA KRUCO

### Manovro de Geflegistoj

La Belga Societo Ruĝa Kruco (Prezidanto D-ro DE ROP); la Geflegistaj Asocioj Antverpena (Prezid. S-ro DE MEYER), Berchema (S-ro VAN SULL) ; Borgerhouta (S-ro MACA) ; la franca Societo Esperanto Ruĝa Kruco (Generalo PRIOU) havas la honoron inviti la gekongresanojn, ke ili ĉeestu la publikan ekzercon de flegado al vunditoj, kiu okazos la proksiman dimanĉon, la 27an de aŭgusto sur la Placo St Jan.

La manovro komenciĝos akurate je la 11a matene kaj daŭros ĝuste unu horon.

PROGRAMO DE LA EKZERCO

*Unua parto*, montrata per unu trumpetblovo.

Unuaj flegoj al vunditoj sur figurita militkampo (flegistoj).

Transporto per brankardo al la pansloko (poste de secours).

Urĝaj flegoj ĉe la pansloko kaj enskriboj sur la diagnozajn kartojn.

Transporto al la ambulanco.

Prosimuma daŭro : 1/2 da horo.

*Dua parto*, montrata per 2 trumpetblovoj.

Flegado en ambulanco de la Ruĝa Kruco (figurita per tendo).

Ekzameno, kaj, se necese, rearanĝo de la pansaparatoj (kuracistoj kaj flegistinoj).

Proksimuma daŭro : 1/4 da horo.

*Tria parto*, montrita per 3 trumpetblovoj.

Transporto de l'vunditoj, el la ambulanco al transsenda hopitalo aŭ fervoja stacidomo (hôpital d'évacuation ou gare) per brarkardoj kaj per ambulanca veturilo.

Proksimuma daŭron : 1/4 da horo :

La vunditoj, kiuj estos kapablaj marŝi, akompanos la transportistojn kaj piedirante atingos la panslokon, ambullancon kaj transsendejon. Ĉi tiuj lastaj flegejoj estas figuritaj per tendoj.

——

P. S. — La geaktoroj (geflegantoj kaj flegatoj) bonvolu ĉeesti sur la loko mem jam de 10a 1/2, por ricevi la instrukciojn necesajn al la rolo, kiun ili konsentos plenumi.

LA KOMITATO.

---

## NOMARO DE LA GEKONGRESANOJ

*(Daŭrigo)*

1368. F-ino Rutter, Mabel S. jurnalistino, 81, Eppingham Rd, Putney, London (Angl.)
1369. Brun-Buisson, rue Moncey, 18, Lyon (Franc.)
1370. Pelet du Planty, Léon, farmaciisto, 27, rue de ? Armentières »
1371. F-ino Scott, Mary Service, instruistino, Windsor Lotaya, Windsor Rd, Stockton-on-Teas (Angl.)
1372, Domenech-Alberich, Josef, leŭtenanto de infanteria regimento n-ro 55, Gerona (Hisp.)
1373. Colomez-Brugue, Tomas, komercisto, Cindadanos 19, Camar a Comercia, Gerona (Hisp.)
1374. Monchâtre, Marcel, studento, 21, rue de la Ceinture, La Flèche (Franc.)
1375. Morel, Paul, notaria oficisto, boul. d'Alger, 5, » »
1376. F-ino Fyson, Ellen, 4, East Street, Tannton (Angl.)
1377. Eyres, Arthur, ŝtrumpvendisto, 44 Victoria Park New Chesterton, Cambridge (Angl.)
1378. F-ino Jakobi, Amalie, Sonnenstr. 58, Kempten (Germ.)
1379. F-ino Schnediz, Johanna, Postgebäude, » »
1380. Rudy, Abraham, profesoro de lingvoj, Raleigh (Usono)
1381. Bianchini, Jakobo, pastro, Fontanafredda di Pordenove (Ital.)
1382. Wilbert, A., instruisto, Siegesstr.. 25, Cöln-Deutz (Germ.)
1383. Finet, Adolf, profesoro Constitutiestraat, 121, Antwerpen (Belg.)
1384. Dillen, pensiita policinspektoro, » »
1385. Jakob, Albert, Ecole Communale, Houplines (Franc.)
1386. James, Fernand, komercoficisto, rue Lafayette, 1, Le Puy-en Velay »
1387. Malrieu, Florentin, komercoficisto, rue Vibert, 9, » » »

